BRAZILA ESPERANTISTO OFICIALA ORGANO DE BRAZILA ESPERANTO-LIGO

# BE

93a jaro
N-ro 317
Decembro 2001

## Monda Forumo pri Edukado

**Esperanto reprezentiĝis en Porto Alegre**

## Internacia Panoramo

**Latinameriko kaj Afriko en la fokuso**

## Intervjuo

**Molina Milanez batalas en la junulara fronto**



50 Jaroj

Rio-de-Ĵanejro, 1951

# KKE: 50 jaroj da pormovada laboro

# N o v a j   a k v o j   e l   F o n t o

## B a n u   v i n   k a j   r e f r e ŝ i ĝ u




*Purgatorio* *Dante Alighieri, 1a volumo*
*255* *22,5 x 31 cm*
*Broŝuro, dukolora kovrilo*
*Klasika verko*




*La Duakanonaj Libroj, 2a volumo*
*Gerrit Berveling* *263* *14 x 21 cm*
*Broŝuro, dukolora kovrilo,*
*Ilustraĵoj-Gustave Doré,*
*Bibliaj liblroj ne aperintaj en antaŭaj eldonoj de la Grekaj Biblioj*




*Lingva Planado kaj Leksikologio*
*Pluraj* *286* *14 x 21 cm*
*Broŝuro, dukolora kovrilo*
*Kontribuoj de la partoprenantaro de la Internacia Simpozio organizita de Akademio de Esperanto, en Zagrebo*

*Simboloj: Libro · Titolo · Aŭtoro · Tradukisto · Lingvistiko · Biblio/Religio · Poezio · Nombro de paĝoj · Grando · Rimarko · Komentario*

**Brazila Esperanto-Ligo**

Caixa Postal 03625
70084-970 Brasília – DF
bel@esperanto.org.br

Membroj de BEL ĝuas rabaton je 10% kaj ne pagas sendokostojn.

Mendeblaj ankaŭ ĉe

Universala Esperanto-Asocio
kaj ĉe la plej bonaj libroservoj tra la tuta mondo.

Nepre mendu la kompletan katalogon de Fonto
Revendistaj rabatoj por libroservoj

Fonto

*Ĉe BEL oni povas pagi ankaŭ per Visa-kreditkarto*

# BE Enhavo



## Kovrilo



Kia bela kovrilo! Numero post numero, nia grafika aranĝisto klopodas proponi al la legantaro de BE artan ellaboraĵon. Bone atentu pri la historia foto de la inaŭgura kunsido de Kultura Kooperativo de Esperantistoj.

## Pri la nuna numero

## Kien?

Kien marŝu Kultura Kooperativo de Esperantistoj, post 50 jaroj da bonaj kaj malbonaj momentoj? La nuna estraranoj de KKE laboras por ke nur bonaj momentoj, ekde nun, konsistigu la kernon de ĝia historio.

Nu, se temas pri bonaj kaj malbonaj momentoj, la legantaro de BE tre malofte opinias pri nia revuo BE. Ni ŝatus ricevi pli da reagoj! La eldona stabo bezonas scii kion la legantoj ne ŝatas.

Ni estas konsciaj pri la neceso plibonigi la enhavon, kaj tion ni povos fari pli funde nur se la legantoj amase informos nin pri siaj preferoj, pri siaj deziroj.

# Removado

Diskonigado, Instruado kaj Aplikado. El tiuj tri kolonoj de la esperanto-movado kiu estas la plej grava? Jen ne facila demando, ĉar tio dependas de la loko, dato kaj specifaj cirkonstancoj de ĉiu ero de nia movado. Por ekzemplo, se en urbo A la ĝenerala publiko estas sufiĉe bone informita pri Esperanto kaj en urbo B preskaŭ neniu konas Esperanton, estas evidente, ke en urbo B la informado estas prioritata laboro, dum en A la kampo verŝajne jam estas matura por la instruado kaj aplikado.

Tamen, ĉu la tri kolonoj povas fakte esti pritraktataj aparte, izolite? Ni pensas, ke ne, do la demando proponita havas falsan premison.

Nu, la tri kolonoj estas ne disigeblaj eroj de unuaksa laboro, nome la polispronado de Esperanto kiel fakta internacia lingvo.

Esperanto-organizaĵo ja devas vigle kaj inteligente agadi sur la kampo de informado, sed samtempe kursaro, kun preparitaj instruistoj kaj moderna metodo, oni devas disponigi al la interesatoj, kiuj poste havu plurajn opciojn por tuja aplikado de la akirita lingvo.

Unuavide tio estas tre elementaj konkludoj, sed la fakto estas, ke ne ĉiam niaj movadanoj klare vidas tion. Aliokaze, oni teorie scias pri tiuj fundamentaĵoj, sed neniel ajn oni aplikas tiujn principojn en la ĉiutaga vivo de la movada asocio al kiu oni apartenas.

Niaj asocioj estas administrataj sen difinita laborprogramo konsistanta el celoj por la kampoj de diskonigado, instruado kaj aplikado.

Tion ni nepre ŝanĝu. Ni laboru kune por la starigo de nova movado, per modernigo de niaj labormetodoj. La brazilaj asocioj klopodu removadi, retaksi siajn metodojn. La plenumestraro de BEL ricevu ĉies apogon por la plenumado de sia taskaro. La ŝtataj asocioj pli vigle partoprenu la federacian konsilantaron.

Ni removade diskonigu, instruu kaj aplikadu Esperanton.





**Brazila Esperantisto**

Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo • Fondita en 1907 de Alberto A. Vieira, Reynaldo Geyer kaj Everardo Backheuser
93-a Jaro • Oktobro - Novembro - Decembro 2001 • N-ro 317
Aperas trimonate

**Eldona Stabo**

**Direktoro** Francisco Mattos de Oliveira **Laŭleĝa respondeculo** Emerson Werneck RG 06254JP/MG **Ĉefredaktoro** Fabrício Valle
**Konstantaj kunlaborantoj** Cícero Gabriel, Jimez Milanez **Ĉi-numeraj kunlaborantoj** Paulo S. Viana, Floriano Pessoa, Helio Chierighini, Carlos Eduardo, Carlos Pereira, Flávio Rocha, José Melo, Aloísio Sartorato, Roberto Fausto, Luiz Coelho, André Luiz de Souza, Carlos Maria, Alberto Flores, Reinaldo kaj Zélia Zaghetto, José Pacheco, Ivo Sanguineti, Bruno Longo, Lucas Fusca, Eduardo Magera **Grafika aranĝo kaj enpaĝigo** Elison de Novais Simas **Grafika asistado** Luciana do Nascimento Maria
**Internaciaj kunlaborantoj** Gbeglo Koffi, Santiago Alvarez, Hector Campos
**Revizio kaj tradukado** Carlos Pereira, Carlos Maria, Francisco Mattos de Oliveira, Jimes Vasco Milanez kaj Valério Rodolfo.

Redakcio ĉe BEL-sidejo
Pri la subskribitaj artikoloj respondecas la aŭtoroj mem • Abonebla ĉe UEA kaj ELNA

Brazila Esperanto-Ligo 
Fondita en 1905

**Sidejo** Ed. Venâncio III - Sala 307, Setor de Diversões Sul **Poŝtadreso** Caixa Postal 03625, 70084-970 Brasília - DF
**Telefono** (0xx61) 226 1298 **Fakso** (0xx61) 226 4446 **Retadreso** bel@esperanto.org.br **Hejmpaĝo** www.esperanto.org.br

**Estraro**
**Prezidanto:** Lício de Almeida Castro **Vic-Prezidanto:** Carlos Maria
**1-a Sekretario:** Enivaldo Alves Silva **2-a Sekretario:** Casildo Gomes Vieira **3-a Sekretario:** Adirson Messias Lima
**1-a Kasisto:** José Carlos Dorini Ramos **2-a Kasisto:** Maria das Dores Góes

**Departementoj**
**Administrado:** Adirson Messias Lima **Eksteraj Rilatoj:** James Rezende Piton **Eldonado:** Elison de Novais Simas **Informadiko:** Paulo de Tarso Cardoso
**Komerco:** Aymoré Vaz Pinto **Komunikado:** Francisco Mattos de Oliveira **Instruado:** vakas **Rilatoj kun Asocioj:** vakas

**Kontrola konsilantaro**
José Souza Melo, Waldir Antônio Silvestre, Wilson Álvares de Oliveira, Carlos Caixeta Borges, Luiz Fernando Cunha Vêncio kaj Sérgio Néri da Mata

**Federacia Konsilantaro**
**Prezidanto:** Fabrício Rodrigues Valle **Vic-Prezidanto:** Jannes Markus Mabesoone

**Komitatanoj A**
James Rezende Piton kaj Symilde Schenk Ledon

**Ĉefdelegito de UEA**
Symilde Schenk Ledon

# Molina Milanez

*En la historio de Brazila Esperantisto Junulara Organizo, Fenikso estas ofta protagonisto. Post iom stagna periodo, nun BEJO montras sin ekvigliĝanta kaj la entuziasmo de la e-junularo pri la IJK okazonta en Pato Branco rememorigas pri ĝiaj avangardaj periodoj. Molina Milanez estas unu el la plej aktivaj membroj de tiu feniksa fenomeno de la nova junulara esperanto-movado en Brazilo. Ŝi certe havas gravajn aferojn por diri. Do, al la intervjuo.*

**BE** Kiam kaj kial vi lernis Esperanto?

**Molina** Kiam? Hmmm... laŭŝajne facila demando, pro tio ke supozeble la respondo estus nur cifera, sed estas ne! Mia lernado de Esperanto ne sekvis rektan vojon. Mi pri ĝi aŭdis unuafoje en 1996, mi simpatiis, tamen la viruso tiam restis nur latenta. Iom post iom ĝi ekagis en mia vivo - kiam mi vidis la avantaĝojn, kiujn mia frato (lerninte e-on antaŭ ol mi) komencis havi per ĝi. Tiam E-o ŝajnis al miaj okuloj io pli ol ekzotika lingvo, E-ujo ekvideblis al mi pli vasta ol nur kurso-ĉambro – ĝi aspektas kiel kurso-ĉambro por multaj komencantoj –, kaj la plenpovon la viruso atingis en julio 2000, kiam mi partoprenis mian unuan brazilan kongreson de Esperanto.

Kial? Nu, estas tiom da kialoj... Kiel motivo pli abstrakta, verŝajnas la sekvo: mi kredas ke Esperanto estas bona solvo por demokratia komunikado. Kaj mi kredas ke ĉiuj homoj kiuj aspiros tutmondiĝon seriozan, demokratian, konstatos ke tio implicas uzon de lingvo egaleca. Tio estis kialo kiu igis min simpatia al tiu movado, tamen aferoj kiujn mi malkovris iom post iom, rolas kiel flamo instigante min lerni, uzi kaj labori por E-o.

**BE** Ĉu vi estas ordinara junulino?

**Molina** Jes, kial ne? Ĉu la demando celus "kial 18-jarulino sindediĉu al ekzotikaĵo"? Bone, mistike, mi memorus la onidiron: "ne estas vi kiu elektas Esperanton; estas Esperanto kiu elektas vin", sed kompreneble mi ne kredas tion ĉielvera kialo. Miakaze, Esperanto ja rolas kiel speciala ŝatokupo, sed oni povas esti e-parolanto ne nepre pro ŝato "esperantumi" sed pro iu ajn interesa uzo kiun E-o alportas al oni - surbaze de la konscio ke ĝi estas egaleca lingvo; ĉar se nur pro profito-kialo, abundas aliaj lingvoj lerneblaj.

Bone, mia vivo kompreneble ne estas nur ĝojmaro, ankaŭ apartenas al ĝi malbonaj okazoj, kiuj ĝuste montras ke la mondo ne estas perfekta, ne estas justa. Tiu konstato igas min okupiĝi pri aferoj kiaj Esperanto.

**BE** Kio plej plaĉas al vi en nia movado?

**Molina** Hmmm... eblo praktiki volontan laboron, kreemon, entreprenemon, fari ion komunan kun aliaj personoj - "samideane labori" - estas sperto tre interesa kaj instrua; malkovri nian mondon alimaniere, lerni kaj konsciiĝi kaj pri naciaj kaj pri transnaciaj valoroj; tiu speciala etoso de E-ujo, kia granda rondo familia, kun atmosfero de egaleco kaj grandanima amikeco inter popoloj kaj kulturoj (tiun trafan diron elbuŝiĝis vjetnama knabino); la ega ĝojo paroli alilingve (kaj komforte!)...

**BE** Kion vi faras nuntempe, krom labori por Esperanto?

**Molina** Mi kursas fakultaton pri kemio kaj tio fakte absorbas plejmulton de mia tempo, nepermesante ke mi zorgu pri multaj aferoj, kiujn mi ŝatus realigi, sed mi ĉiam rezervas tempon por fizikaj aktivaĵoj, kaj donas atenton al nutrada kvalito, krom esti dormemulino. Kompreneble ono de mia tempo ankaŭ rilatas al distro, al amikeco, al amo, al medito. Tio estas nepraĵo, kio donas brilon al la vivo! Mi ŝategas legi librojn (po 20 jare).

**BE** Kio ne bone funkcias en la movado?

**Molina** Mi kredas ke oni malmulte laboras kaj atentas pri fakaj scioj per Esperanto, fakte la angla kaj multaj aliaj lingvoj - verŝajne eĉ la kataluna - havas pli signifan rolon ĉikampe ol Esperanto. Certe pretendi anstataŭigi la



anglan en sciencaj aferoj nur per niaj propraj streboj estas nerealigeblaĵo. Mi rimarkas kiom tiu lingvo iĝis internacia en tiu medio; en la bibliotekoj kiujn mi vizitadas ĝi certe pli gravas ol nia nacia lingvo mem. Do, antaŭ tiu "nefaligebla" elstaro de la angla, E-istoj perdas volemon fakumi en E-o, sed mi pensas ke ni devas antaŭenigi tiun kampon, ne zorgante ĉu ni atingos la anglan aŭ ne: tiel kiel oni produktas fakajn verkojn nacilingve, naciskale, ke e-istoj produktu fakajn verkojn esperante por e-komunumo.

**BE** Ni parolu pri la junulara movado en Brazilo. Kio pri BEJO?

**Molina** Bonege havi la okazon paroli pri BEJO, ĉar eble por multaj legantoj de BE ĝi aspektas kia fantoma organizo (por mi ĝi ŝajnis tia dumlonge). Kion mi sciis pri lastaj jaroj de BEJO estas ke ja ĝi endormiĝis, perdante membrojn kaj fidindecon , sed pri tio kulpas neniu. Ĝi ne agis precipe pro manko de aktivuloj, de gejunuloj kiuj sin pretis kunlabori, kaj pro tio eĉ ne membroj rajtas plendi. Tiam oni klopodis restarigi la revuon de BEJO, sed ne multaj favoraj respondoj estis ricevitaj. Fakte komuniko fuŝis (en tiu epoko, interreto ankoraŭ bebpaŝis). Nun, jaro 2001, BEJO alten eksaltis. Volontaj aktivuloj aperas, el pluraj regionoj de Brazilo. Kaj tiu interkunlaborado okazas danke al interreto. Per tiu rimedo ni organizas niajn eventojn, varblaboras, informas kaj tiel plu. Ekde ĉi-junio, "Momenton!" – la bulteno de BEJO (aperas 4-foje jare) – ricevis novan redaktorinon, kiu estas mi (skribu al "Momenton!": *momenton@ig.com.br*). Mi ne estas estrarano de BEJO, sed tiu fakto ne estas barilo kontraŭ kunlaboreblo. Tiun diron mi etendas al ĉiuj membroj: BEJO bezonas vian partoprenon, por elstariĝi kaj ne endormiĝi plu!

Nia junulara organizo havas multajn kialojn ankaŭ por danki al BEL, kiu forte ĝin subvencias. Niaj rilatoj kun BEL pliboniĝis lasttempe, kaj nun ni klopodas zorgi por ke estu vera interkunlaboro, serioza, ne nur subvencio-riceva.

**BE** Vi vigle partoprenis la organizadon de la 22-a BEJK, okazinta en Brasília la pasintan julion. Kion vi lernis el tiu sperto?

**Molina** Mi lernis, ke ja indas sindediĉi por konkretigi tiajn eventojn, ĉar se ni pretas okupiĝi pri ilia bona organizado, ili certe iĝas tre fruktodonaj (vere tiu estis la unua strukturita kongreso de BEJO post pluraj jaroj sinsekvaj da neokazado - mi kredas ke la lasta tia okazis en la pasinta jarcento, je komenco de la jaroj 90); Tiu BEJK - koncerna raporto eblas legi en la lasta eldono de BE - estis bonega okazo por interkonigi la gejunulojn ĉeestintajn, "lazkapti" novajn aktivulojn por BEJO, disvastigi nian organizon, instigi la junajn komencantojn ellerni la lingvon - ĉar tie okazis pluraj aferoj per E-o kiuj interesis al ili. Fakte temas pri nacia kongreso kaj ja eblus al ni amuziĝi per la portugala, sed la sama tute ne eblus en internacia etoso, kia estos proksimjare, okaze de la unua Internacia Junulara Kongreso (IJK) en Brazilo! Nu, por ebligi ĝisoste profiti tiun senegalan eventon, oni devas esti vere ellerninta la lingvon!

Aliaspekte, la organizado de tiu kongreso instruis min kaj la du aliajn ĉeforganizantojn (Edvaldo Júnior/Brasília kaj James Milanez/Campinas) pritrakti problemojn lasthorajn. Ĝi lernigis nin inteligente uzi interreton por organizi aferojn konkretiĝontajn. Sciigis nin ke eblas ricevi favoran reagon de la celpubliko - multaj gejunuloj tuj je la komenco de BKE alvenis al ni demandante pri la BEJK-programeroj okazontaj. La partoprenantaro bone integriĝis, kaj ni konstatis, ke multaj aferoj, kiujn ni kredis neeblaj, estis eblaj. Krome, spontanee okazis multo kiu ne estis en la programo.

**BE** Kion oni devas fari por motivigi pli funde la junularon lerni Esperanton?

**Molina** Disvastigo kaj instruo de E-o al gejunuloj ne estas afero kiun BEJO tuŝas rekte lastatempe, nek ankoraŭ nuntempe, sed kompreneble tiun kampon ankaŭ ni celas. Mi kredas ke tio, kion ni nun prizorgas plifunde – la utiligo de Esperanto al gejunuloj, realigi aferojn kiuj plaĉas al ili – estas bazo por tiu motivigo al junularo lerni E-on. Vane estus se ni nur disvastigus la ideon, se Esperanto ne havus junularaspektojn, kiuj plaĉas al ili. Do, mi pensas ke ni estas sur ĝusta vojo, kaj mi eĉ rimarkas ke novaj gejunuloj aperas nia-movade pro la aferoj kiuj okazas en BEJO, ne pro disvastigo kiun ni faris nek pro intensa

starigado de kursoj por ili. Rezulto de niaj aktivaĵoj venas kaj kiel entuziasmiĝo ellerni E-on kaj kiel volo engaĝiĝi en junulara movado. Espereble, tio ampleksiĝos okaze de la venontjara IJK.

**BE** Multaj gejunuloj entuziasme laboras por Esperanto, sed poste kabeas...

**Molina** Ja, mi konas iom da tiaj ekzemploj. Ŝajnas al mi, ke kelkaj kabeas post kapdoloraj aferoj en estrara vivo, kelkaj pro kvereloj... ĝenerale ĉiam ligitaj al estraraj aferoj.

Aliflanke, krom la kazo tuŝita de via demando, "kabeas" ankaŭ gejunuloj kiuj ne partoprenis estraron nek iun ajn gravan laboron por Esperanto. Nu, mi kredas ke estas pro tio ke Esperanto al ili estas ne pli ol ŝatokupo, kaj ke iam en sia vivo aperis aferoj kiuj tiam ŝajnis al ili pli gravaj, aŭ eĉ pli interesaj. Rilate al kialo "graveco", kabeo estas malfacile evitebla. Oni edziĝas, kreas familion, eklaboras. Rilate al kialo "intereso", ni povas eviti kabeadon konstante interesigante junularan movadon, buntigante, finfine: ĉiam donante novan blovon al ĝi, ĉar afero kiu malplaĉas al gejunuloj estas monotonio.

**BE** Kio mankas en la junulara movado, por ke ĝi fariĝu pli bone strukturita?

**Molina** Komence mankis ĉio.. poste ni vidas ke plejmulto de la problemoj estas solveblaj depende nur de bonvolo. Principe, preskaŭ neniu sinprezentas por ellamigi aferon - sekve, la malmultaj kiuj al tio sin dediĉas havas multan laboron sur siaj ŝultroj - kiam la afero ekmoviĝas glate, tiam aperas entuziasmiĝuloj. Malbedaŭrinde, rilate al tiu reviglado de BEJO, ekzistis kaj dekomenca bonvolo kaj posta entuziasmiĝo.

BEJO strukturiĝas per reapero de sia bulteno; per starigo de viglega diskutlisto en interreto: la "BEJO-listo" (gejunuloj kiuj intencas ĝin partopreni, sendu mesaĝon al *bejo@ieg.com.br* tion petante); per okazigo de propraj aranĝoj kaj pluraj laborkunsidoj; per konstanta partopreno de BEJO-aktivuloj en renkontiĝoj de la ĝenerala e-movado, lastatempe. Sed post la reaktivado, necesas la intensigado. Tiel, la strukturo plifortiĝos, ne refaleblos. Ankaŭ bezonate estas krei organizitan reton de BEJO-reprezentantoj tra Brazilo ; teni konstantan aron da aktivuloj; interŝanĝi spertojn kun pliaĝaj movadanoj - inter tiuj, ni speciale celas kontakti eksBEJOaktivulojn; starigi internaciajn rilatojn - laŭŝajne nia unua IJK en Brazilo (ĝi okazos en la Paranaa urbo Pato Branco, de la 21-a ĝis la 28-a de julio 2002) ekos tiujn rilatojn, krom, miaopinie, apartmaniere kontribuos al solidigo de nia junulara e-movado en Brazilo. Espereble, BEJO baldaŭ povu partopreni pli aktive sur la scenejo de la brazila movado - ekzemple en la BEL-a federacia konsilantaro, al kiu ĝi apartenas - kaj en la scenejo de la junulara movado mondskale - kiel pli aktiva landa asocio de TEJO. Nuntempe estas kelkaj problemoj, kiujn ni klopodas solvi, devenintaj el tiu dorma periodo de nia organizo, sed okulfrape BEJO survojas al stabila stato.

**BE** Kiun revon vi havas por la estonteco de nia lando kaj de nia movado?

**Molina** Ho, revo... Oni tiom alkutimiĝas al situacio malbona, kaj kiu ŝajne ĉiam pli malboniĝas ke foje ni forgesas revi. Al mia lando mi deziras la samon kiun al aliaj landoj: ke ĝi iĝu "deca" nacio, kun vera edukado, oportunodono al ĉiuj, konscia pri civitaneco.

Pri movado... Unue, mi volas gratuli BEL-n pro la bonega laboro kiun ĝi lastatempe estas faranta al nia brazila e-movado, kaj ne nur al Ligo tamen al ĉiuj samideanoj kiuj volonte laboras por Esperanto. Nia movado okulfrape progresas kaj atingas altan rangon mondskale, kunlaborante por vera internaciiĝo de E-o. Do, pri nia movado mi esperas ke ĝi ĉiam pli kaj pli prosperos, kaj, pli detale, mi esperas ke ni baldaŭ povos okazigi ĉi tie, krom BKE kaj regionaj renkontiĝoj, artajn festivalojn, fakajn seminariojn, gastigi pli da internaciaj eventoj, kreski en aliaj sektoroj (artoj, sciencoj, eldonado, komunikado kaj tiel plu), senlime buntiĝi, ĉio tio rilate al esperantumado - kompreneble tiuj atingoj rekte dependas de favora respondo de la e-istoj, pli partoprenpretaj, pli kunkreemaj. Rilate al instruado de Esperanto, disvastigo, eksteraj rilatoj k.s., mi ankaŭ deziras prosperon kaj kredas ke BEL nuntempe komencas interesan laboron tiukampe, kreante departementojn por ĉiuj tiuj bezonaĵoj, kaj instigante e-istojn engaĝiĝi por fari organizitan, unuigitan laboron. Al BEL miajn plej varmajn dezirojn pri sukceso!

# Babelo babila




En la epoko antaŭinterreta, kiam du aŭ pli malproksimaj samideanoj volis komunikiĝi, ne estis abundaj ebloj. Krom la tradicia korespondado, estis nur kelkaj aliaj rimedoj je dispono por samtempa komunikado. Grave rolis radioamatorismo kaj, kompreneble, telefonio. La postuloj de la unua kaj la kostoj de la dua tamen iom malfaciligis ilian amasan uzadon ĉiucelan, kaj por multaj homoj renkontiĝi persone daŭris la plej bona maniero (kaj ofte la nura) rekte kontakti siajn konatojn.

Malgraŭ tio ke ĉiuj tiuj rimedoj plue disponeblas (kaj evidente daŭre uzatas), la populariĝo de interreto multe ampleksigis nian eblecaron. Krom la jam vaste uzata kaj daŭre kreskanta retmesaĝado (kaj ĝia ĉefa ido, la dissendolistoj), nuntempe ekzistas ja babelo da babililoj! Estas multaj aliaj konindaj (kaj ĉefe uzindaj) iloj por komunikiĝi per la reto, precipe por ni esperantistoj, diaspore vivantaj tra la mondo.

## ICQ – www.icq.com

Unu el la plej popularaj babililoj en la mondo, ankaŭ estas kie troviĝas pli da esperantistoj. Ĉe la supra retejo oni povas kopii la programon, kiu ebligas samtempan komunikadon per tajpado aŭ voĉo, starigon de "babilĉambroj" por virtualaj kunvenoj, kaj multajn aliajn servojn. Por identigi sin inter la uzantaro, ĉiu persono elektas kromnomon por si. En *http://esperanto.digiweb.com.br/icq/icqlisto.htm* (de Kultura Esperanto-Centro, Goiânia) troviĝas listo kun la kromnomoj/ICQ-numeroj de 455 gesamideanoj el 53 landoj.

## TiVejo – www.tivejo.com.br

TiVejo, brazila versio de la babililo Paltalk (*www.paltalk.com*), ebligas precipe voĉan babiladon, tio estas, uzi la komputilon kiel speco de "telefono" por paroli kun siaj tutmondaj interretaj konatoj. Tre interesa servo de TiVejo estas la publikaj babilĉambroj, en kiuj kunvenas personoj por voĉa babilado, laŭ temoj. Grupo de esperantistoj kreis la ĉambron "Esperanto Internacia", kaj en ĝia paĝo *www.esperantointernacia.com*, fare de samideano Emilio Cid, troveblas pluraj utilaj informoj, kromnomoj de kelkaj el ĝiaj kutimaj uzantoj, ktp. Tre interesaj estas, ekzemple, la prelegoj kaj kursoj kiujn oni faras. Por eniri la ĉambron, en la programo premu la butonon "Ĉambroj", poste "Internacie", kaj poste listigu tiujn de la kategorio "Laŭ Lingvo/Nacieco/Aliaj". Serĉu kaj duoble klaku la nomon "Esperanto Internacia".

## Retaj babilejoj

Krom la programoj, ankaŭ ekzistas en la reto mem la tiel nomataj "babilejoj". Unu el la plej konataj esperantaj babilejoj de la reto troviĝas ĉe *http://lendir.karelia.ru/chat*, kiun vizitas esperantistoj de ĉiuj partoj de la mondo; tre interesan fotaron de gebabilemuloj oni povas vidi ĉe *http://babil.komputilo.org/plena*.

La retcentro Terra en sia babilejaro ankaŭ disponigas esperantan ĉambron. Por eniri ĝin iru al *http://chat.terra.com.br/chat*, klaku sur "Idiomoj", kaj elektu la esperantan. Ni ekuzu ĝin!

## Cetere

Citindus pluraj aliaj babililoj kaj babilejoj, tiom multaj estas la ebloj; uzi la cititajn estas tamen bona komenco. Ke ĉiu mem elektu poste sian preferatan, kaj profitu el la vasta ilaro disponebla por disaŭdigi Esperanton tra la reto... Bonan babiladon!

## Ĉina Interreta Informa Centro – www.china.org.cn/world

Se vi volas havi aktualajn novaĵojn pri Ĉinio, nepre vizitu ĝin. Belaspekta kaj informriĉa retcentro, ĝi prezentas artikolojn ekzemple pri la ĉina socia vivo, kulturo, ekonomio, vojaĝoj tra Ĉinio, kaj multon plian; kompreneble ne mankas ankaŭ novaĵoj kaj informoj pri Esperantujo.

*Jimes Milanez estas studento pri elektro.

# La vico de edukado*

Reinaldo J. Zaghetto kaj Zélia S. Zaghetto

La Internacia Forumo pri Edukado, okazinta en Porto Alegre, ĉefurbo de la brazila ŝtato Rio Grande do Sul, de la 24a ĝis la 27a de oktobro, estis grandioza evento internacia al kiu aliĝis kaj partoprenis pli ol 15.000 instruistoj kaj laborantoj sur la kampo de edukado.

Estis tre signifa la partopreno de la Esperantisto-delegitoj, reprezentantoj de UEA, en tiu Unua Internacia Forumo pri Edukado.

La temo de la evento, la egaligo de rajtoj sociaj kaj per kaj tra eduka agado, kompreneble pritraktis la problemon de la diskriminacio socia, kultura, lingva. Esperanto estis do prezentita kiel matura propono por malpliigi la problemon de interkomunikado, precipe el la nuntempe globaligita mondo.

Renato Corsetti, prezidanto de Universala Esperanto Asocio, pere de la E-delegitoj sendis sian saluton al la forumpartoprenantoj. Lia saluta deklaracio estis legata de la oficiala oratoro al la tuta ĉeestantaro, impresante al ĉiuj pro la serioza enhavo, trafe pritraktante la temon lingvo kaj komunikado, surbaze de la Dua Artikolo de la Deklaracio Universala de Homaj Rajtoj.

Estis alparolitaj de esperantistoj pluraj aŭtoritatuloj, inter ili la urbestro de Porto Alegre, Tarso Genro, la guberniestro de la ŝtato, Olivio Dutra, la rektorino de la Federacia Universitato de Rio Grande do Sul, Wrana Panizzi; deputitinoj Maria do Rosario kaj Esther Grossi.



Foto: José Pacheco

La BEL-faldfolio "Quem sabe Esperanto" estis amase disdonita.

Eksterlandaj konferencistoj egale ricevis nian alparolon kun aprobo: Maria Pontífice, el San Tomeo-Princo (Afriko), Carlos Alberto Torres, el Usono, Miguel Roca, el Hispanio. Speciale Bernard Charlot, el Francio, kiu ankoraŭ ĉe la tablo, post sia konferenco kies temo pritraktis rajton al la edukado kaj respekton al la kultura diverseco, ricevis esperantan libron donacitan de Nilce Maria Rodrigues, loka esperantistino.

Okazis du prelegoj specife pri Esperanto, far de la UEA-delegito de Porto Alegre (RS), Profesoro Arthur Golgo Lucas: *Esperanto: disfaligante murojn, edukante por pli bona mondo* kaj *La miljara problemo de la internacia komunikado kaj sia solvo*. En alia prelego, Profesoro Ismael Mattos Avila, el Campinas (SP), pritraktis la lingvan problemon en interreto, proponante Esperanton kiel avantaĝa lingvo pro siaj regulaj karakteroj.

Pluraj delegitoj de la Forumo estis intervjuitaj de la E-delegitoj, kiuj argumente klarigis la ĉefajn celojn de la Internacia Lingvo Esperanto en la tutmonda kunteksto de egaligo.

Nun ni devas forte kaj vigle labori cele al la Internacia Socia Forumo, okazonta januare 2002, kie la aktivuloj de Esperanto devas montri ties fortan rolon je la socia problemaro.


Foto: GEA

Kerno de la skipo

*Fotoj faritaj dum la evento de Jozefo Pacheco, el Porto Alegre, estas videblaj en <www.redemeta.com.br/pacheco/FME-2001>

# Brazila esperantisto vizitis Albanion

La lastan septembron la vic-prezidanto de Esperanto-Asocio de Brasilia, José Souza Melo, vizitis Albanion kune kun Gafur Muĉo, albana esperantisto loĝanta en Brazilo.

Melo kaptis la okazon por intervjui junan kaj talentan albanino, Enkela Xhamaj , kies poemeto *Fihomoj* estis ĵus publikigita en la revuo Kontakto. Jen la intervjueto:

**Melo** Bonvolu prezenti vin.

**Enkela** Mi naskiĝis la 24an de Majo 1976 kaj diplomiĝis en Tirano pri la lingvoj angla kaj germana. Mi posedas ankaŭ la italan, francan, hispanan kaj la grekan.

Mi verkas kaj eldonis du librojn en albana lingvo, poezio kaj prozo. Mia libro de poezioj Spektro estis bone ricevita tutmonde. Mi pentras, kantas, muzikumas. Fotografio kaj psikologio interesas min.

**Melo** Kiam kaj kiel vi interesiĝis pri Esperanto?

**Enkela** Kiam mi estis 15jara, bonega amiko de mia familio prezentis al mi la libreton Ŝlosilo de Esperanto. Ĉar ĝi ŝajnis tre interesa lingvo, mi memstare lernis ĝin. Poste mi admiris ĝian fratan idealon kaj amikan etoson. Mi partoprenis kongreson de TEJO en Bulgario en 1993 kaj seminarion organizitan de Konsilio de l' Eŭropo en 1998, en Hungario. Ĉefaj revuoj kiel Kontakto,



Foto: José Melo

Enkela (maldestre)

Monato kaj Literatura Foiro aperigis kelkajn el miaj verkaĵoj. Mi gajnis premion en la Literatura Konkurso EKRA 96, sub la aŭspicio de Kooperativo de Literatura Foiro.

**Melo** Kio pri la albana e-movado?

**Enkela** Oni organizas kursojn de Esperanto, ĉefe por gejunuloj. Bulteno kun informoj pri tutlandaj esperanto okazaĵoj aperas monate.

**Melo** Kio viaopinie malfavoras la vigligon de e-movado en Albanio?

**Enkela** Mankas financaj rimedoj, sed mi opinias, ke ankaŭ estas la prefero de la junularo por la angla.

**Melo** Ĉu viaj konoj de Esperanto iamaniere kontribuas por via lernado de fremdaj lingvoj?

**Enkela** Certe. La strukturo, radikoj kaj interna organizado de Esperanto ege helpas lerni fremdajn lingvojn.

**Melo** Ĉu nuntempe vi havas grandan entuziasmon pri Esperanto?

**Enkela** Verdire la angla lingvo havas fortan internacian influon, sed mi entuziasmas pri Esperanto. Ĝi estas bonega komunikilo kaj transdonas mesaĝon de espero.

**Fihomoj!**

*Enkela Xhamaj*

*Ĉiuj kreajoj de l' ĉielo,*
*Larmoj, kiel trančiloj,*
*Ie, tra koro kaj brusto...*
*Ĉiuj miaj universoj*
*Estas malpli ol nenio,*
*En tiu vaneco,*
*Sen formo, sen karno.*
*Neniu amas min!*
*Ha, tiel mi amas vin,*
*fihomoj!*

Aperis en Kontakto 185

Opinio

## Komunikado en la E-komununo kaj nia sinteno

Eduardo Magera

Emir Sader, profesoso pri sociologio en la Fakultato pri Filozofio, Beletro kaj Homaj Sciencoj de Universitato de São Paulo kaj kunordiganto de la Internacia Socia Forumo okazinta ĉi-jare en urbo Porto Alegre, asertas ke ĉirkaŭ 60% de la homaro ne konas la telefonon. Mi ripetu: 60%.

Surbaze de tio, konsilindas ke ni ne kredu – senpripense aŭ naive – ke komputilaj retoj kaj diskutlistoj sukcese plenumas la rolon informi kaj interkomunikigi esperanto-komunumon. Kompreneble la rimedoj disponeblaj uzendas; tamen ni sciu ke ne ĉiuj havas aliron al la plej pintaj kaj rapidevoluantaj (kaj ne malofte multekostaj) komuniksistemoj.

Unuavide la ĉi-supraj vortoj povas aspekti nenecesaj – eĉ iom stultaj – pro sia troa evidenteco, sed ni kaj ĉefe la grupestroj havas tian respondecon zorgi pri efektivigo de komunikado ene de la komunumo, kaj tia tasko devigas ĉiujn analizi siajn agojn por agnoski, ke ne ĉiam la sinteno koheras rilate al la pensoj kaj celoj konscie difinitaj kaj elektitaj.

Ni ne emeritigu do la tradiciajn leterojn! Kaj se vi malkonsentas pri tiu vortoj, trovu mian nomon en BEL-Jarlibro kaj manifestiĝu... perletere!

*BEL deziras al ĉiuj legantoj de Brazila Esperantisto treege bonan Kristnaskon kaj novan jaron plenan je altaj atingoj por la tuta poresperanta movado.*




*Brazila Esperanto-Ligo*

# Rakontado kaj aŭskultado: nia kontribuo al paco

Paulo Sergio Viana

Rakontado kaj aŭskultado apartenas de jarmiloj al la historio de la homaro. Vespere, ĉirkaŭ la fajro, en kabanoj aŭ sub la ĉielo, homoj ĉiam kuniĝis por aŭskulti rakontojn. Tiel naskiĝis fabeloj, legendoj kaj mitoj – kaj kun ili formiĝadis la animoj mem de familioj, triboj, popoloj, nacioj. Tiel, meze inter raportado de veraj, faktaj travivaĵoj kaj de pure magiaj fantaziaĵoj, homoj kunfratiĝis, kunsentis. Pli ol iu alia faktoro, aŭskultado kaj rakontado kunligis homojn kaj forigis solecon kaj senprotekton.

Tiu gravega psika fenomeno trapasis jarmilojn. Ĝis antaŭ kelkaj jardekoj, en landinternaj urboj, oni ankoraŭ kutimis sidigi la familion ĉirkaŭ la forno, en la kuirejo, por tiu sama antikva kutimo. Bedaŭrinde, ĝi iom post iom nun malaperas. En la moderna mondo de televido, videoludoj kaj komputiloj, jam ne estas tempo, nek emo, al babilado. Eĉ ĉirkaŭ unu sola televidaparato foje la familioj ne sidas – ĉar ĉiu familiano enfermiĝas en sian ĉambron kaj elektas sian preferatan programon.

Ni esperu, ke tia subita forlaso de miljara kutimo ne damaĝu la homan menson. Ni esperu, ke infanaj psikoj ne suferu gravan mankon, kaŭze de tia disiĝo. Ni ĉefe esperu, ke homa reciproka komprenemo kaj kunsentemo ne forvaporiĝu en la ekranoj de maŝinoj – lasinte fekundan grundon por netoleremo, egoismo, indiferentemo, suspektemo.

## Mito-rakontoj: la Biblio



Nia skribita literaturo estas nenio alia ol produkto de tiu atavisma inklino de homoj al historioj. La prototipo de ĉiuj libroj, unu el la prapatroj de literaturo, estas ja la Biblio. Eĉ el komerca vid-punkto ĝi reprezentas eksterordinaran fenomenon, kiel "plejvendata libro". Kaj ankaŭ se oni legas ĝin sen ia ajn religia intereso, tamen etendiĝas vico da ege atentokaptaj, foje fantastaj, foje poeziaj, foje filozofiaj, foje naivaj rakontoj, ĉiam en bela lingvaĵo. El la Biblio elsaltis amaso da esprimoj, kiuj kolorigas nian ĉiutagan babiladon: "ĵaluza kiel Kain", "perfida kiel serpento", "mirakla kiel manao", "provo kiel tiu de Danielo en la kavo", "Abrahama ofero", "Ijoba pacienco", "Salomona decido", "nekredema kiel Tomaso", "lavi la manojn kiel Pilato", "bonkora kiel Samariano", "trovi sian vojon al Damasko", k.m.a..

Sed plej frapa ekzemplo de la forto de bibliaj historioj estas la paraboloj de Jesuo: de du mil jaroj ilia enhavo vivadas en la buŝoj, komentoj kaj animoj de kristanoj, kiuj plu daŭre interpretas, laŭ sia trovo, la signifon de tiuj multfacetaj, tamen simplaj, eĉ naivaj rakontoj. Ilia forto staras en tio, ke ilia aŭtoro bezonis mem lasi nenion skribitan. Ankaŭ en la orienta, budhisma tradicio simile produktiĝis la kuriozaj "koan"-oj, kiuj taŭgas kiel instruoj al disĉiploj.

## Psikologiaj rakontoj: mil kaj unu noktoj

Inter la plej famaj rakontoj de tutmonda historio elstaras "Mil kaj Unu Noktoj", el araba, mezepoka tradicio. Laŭ tiu juvela verko, Ŝarazado kandidatiĝas edziniĝi al sultano, kiu pro pasinta perfido, murdas ĉiujn siajn novajn edzinojn post la nupta nokto. Ŝarazado tiam konvinkas sian edzon permesi, ke ŝi venigu sian amatan fratinon, kaj laŭ antaŭkonsento ŝi komencas serion da rakontoj al la fratino, en ĉeesto de la sultano. La rakontoj renoviĝas ĉiunokte, kaj tiel sorĉas la edzon, ke li ne emas murdi la belan fabelistinon. Rakontoj kontraŭ murdemo, arto kontraŭ sovaĝeco, sentoj kontraŭ perforto, elvolviĝado de pensoj kontraŭ krudeco de facilaj, malhumanaj solvoj. La novelado de Ŝarazado konsistigis eble la unuan psikoterapion: ŝi venkis per la forto de paroloj la ŝanceliĝantan menson de la potenca sultano. Virina paro-

lemo kontraŭ vira rigideco: la celo estas feliĉa, paca geedziĝo.

## Politikaj rakontoj: dekamerono

En mezepoko la pesto draŝis Eŭropon. Homoj mortadis amase, surstrate, hejme, ĉie, tiel ke eĉ ne eblis ĉiujn sepulti. Stariĝis teruraj timego, superstiĉoj, obskurantismo, sentoj pri forlasiteco kaj senespero. Pro la proksimeco al morto, la homan menson trafis bestecaj reagoj kaj ĝenerala nuliĝo: sterniĝis unu el la plej ombraj periodoj de la homa historio.

Inter 1349 kaj 1353, la italo Boccaccio verkis kolekton da rakontoj, kiuj taŭgis kiel modelo por la itala literaturo de postaj jarcentoj. Temis pri rimedo kontraŭ la pesto: inter aliaj magiaj elpensaĵoj, oni kredis, ke gaja, feliĉa vivado protektas kontraŭ la malsano. Tial, sep junulinoj kaj tri junuloj kuniĝas en vilao proksima al Florenco kaj dum dek tagoj amuziĝas en la bela naturo kaj rakontadas novelojn – jen tragikajn, jen sentoplenajn, jen pikantajn, ĉiam kun sufiĉe ironia tono kaj senindulga kritiko al la vivmaniero de tiutempaj homoj. Abundas sarkasmo direktita kaj al nobeloj kaj al religiaj potenculoj kaj al hipokritaj kredoj, ĝenerale. Sentiĝas la neceso aerumi la homan penson kaj ĉefe la ofte frenezajn homajn rilatojn. Tipa, suka rakonto estas tiu de kristano, kiu emas konverti sian judan amikon; ĉi tiu akceptas viziti Romon por observi la sanktan vivon de religiestroj, kaj kvankam li konstatas tie pekoplenan diboĉadon, li tamen fine revenas kaj konvertiĝas: li konvinkiĝis, ke nur vera, potenca Dio povas plu subteni sian religion, en tiel malpura etoso...

Rakontoj kontraŭ pesto, ideoj kontraŭ morto, popolaj historioj kontraŭ despoteco de potenculoj, raportado de homaj vivspertoj kontraŭ ombreca superstiĉo. "Dekamerono" estas bela ekzemplo de novelaro kiel politika rimedo.

En moderna tempo, rakontado plu vivas sed en aparta maniero. Ferakontoj, fabloj kaj fabeloj eterniĝis fare de Andersen, fratoj Grimm, Perrault kaj aliaj. Ilin nun anstataŭas kinaj kaj televidaj filmoj, kiuj plejparte okupas la homan menson koncerne fikcion. Ĉu la psika rezulto estas la sama? Supozeble ne, pro manko de homa ĉeesto kiel fonto, kvankam tiuj amasmediaj artaĵoj havas sian nekontesteblan valoron.

Aliaj modernaj rezultoj devenis de la antikva arto rakonti. Psikoterapio individua kaj grupa estas eltrovaĵo de Freud, kiu genie priskribis la teorion kaj praktikon de kuracado per la parolo. Ĉio baziĝas sur speciala situacio, en kiu paciento rakontas siajn travivaĵojn kaj oni helpas lin trovi novajn, pli oportunajn simbolojn en ili. Grupa terapio, dramterapio kaj ludoterapio estas kuriozaj, riĉaj kuracrimedoj – kaj en ĉiuj ili oni instigas homojn rakonti, rakonti... La frapa simileco inter la tradicia rakontarto kaj tiuj modernaj psikoterapioj saltas el tre sagaca verko de Bruno Bettelheim, nome "Psikanalizo de Ferakontoj", en kiu la aŭtoro brile klarigas la kialon de la sorĉpovo de fabeloj en la infanaj mensoj. Ferakontoj helpas la subkonscian psikon ellabori kaj elvolvi siajn plej kaŝitajn timojn kaj dezirojn.

Fakte, rakontado kaj aŭskultado povas helpi restrukturigon de la menso, refortigon de interhomaj ligoj, por familiaj, grupaj, eĉ naciaj identiĝoj. Ĝi faciligas komprenon, ke ĉiuj homoj estas esence la samaj, kaj paradokse individue originalaj. Ĝi nerekte instruas, ke la homaj vivspertoj estas nefermitaj spertoj, el kiuj oni povas tiri plej neatenditajn lecionojn. Ĝi estas plezuriga, ĉar ĝi stimulas kreemon, inventemon, eĉ se la historioj tute egale ripetiĝas tra jarcentoj. Ĝi malhelpas fanatikecon, rigidecon, aŭtoritatemon, perforton – elementoj de danĝeraj fundamentismaj kredoj.

Kompreneble, por ke la arto rakontadi postvivu, necesas starigi la arton aŭskultadi. Kaj aŭskultadi estas eĉ pli neofta inklino ĉe nuntempa, rapidema homo. Oni relernu ĝin de infanoj, kiuj atente ĝin praktikas, kiam oni proponas al ili historiojn. Kaj niaj infanoj, same kiel ni plenaĝuloj, ege bezonas rakonti kaj aŭskulti, ĉar tio estas nia ebla kontribuo al paco.

La usona kuracistino kaj psikoterapiisto Rachel Naoni Remen verkis legindan libron: "Saĝeco Ĉirkaŭ la Kuireja Tablo". En ĝi, ŝi montras kuracan rezulton, kiam homoj estas stimulataj interŝanĝi siajn travivaĵojn – kaj disponas amoplenan, atentan kunulon. Tiajn spertojn ĉiu ordinara homo povas provi, kaj tiel al ĉiu homo eblas almeti sian brikon al la urĝe konstruenda domo por tutmonda paco.

# Legendo klopodas restariĝi

Aloísio Sartorato

*Kiam oni verkos libron pri la historio de la Esperanto-movado en Brazilo, Kultura Kooperativo de Esperantistoj certe reliefe aperos en speciala ĉapitro, ĉar ĝi estis unu el la plej interesaj iniciatoj de la brazilaj esperantistoj, kiuj abunde fruktodonis per vigla agado sur la kampo de instruado, eventoj kaj eldonado. Nuntempe ĝi estas apenaŭ ombro de tio, kio ĝi estis en la pasinteco, sed grupo de sindonemaj samideanoj el Rio-de-Ĵaneiro strebadas por rekonkeri la pasintan brilon. Nu, tiu iama kolono de la tutlanda movado 50-jariĝis en la pasinta julio, kaj BE prezentas al sia legantaro iom pri ĝi.*

## Historio

Kultura Kooperativo de Esperantistoj estis fondita la 14an de Julio 1951, en la urbo Rio de Janeiro. La ideo pri la fondo de KKE naskiĝis interne de la tiama urba asocio (Asocio Esperantista de Rio de Ĵanejro) kaj la ĉefa motivo estis la neceso starigi organizaĵon fortan je financa vidpunkto "kiu havos kiel ĉefan celon la publikigon de verkoj en aŭ pri Esperanto kaj la organizon de aliaj servoj nemalhaveblaj por la progresigo de Esperanto-movado en Brazilo". Inter la ĉefaj agantoj elstariĝis la idealistoj Braz Cosenza, Cedilha Neto kaj Ismael Gomes Braga.

## Laborplano

En la origina laborplano de KKE oni antaŭvidis kvar ĉefajn punktojn:

**1** Akiro de propra sidejo en la urbocentro de Rio de Janeiro, la tiama brazila ĉefurbo, kiu funkcius kiel kulturkunvenejo kaj librovendejo de verkoj en aŭ pri Esperanto. Tiu ero de la laborplano efektiviĝis en la 15-a de Decembro 1956 per la inaŭguro de la *Librovendejo Esperanto*, kiu troviĝas ĝis hodiaŭ en la sama loko ĉe Avenuo 13a de Majo, 47, interetaĝo 208.

**2** Akiro de propra sidejo por eldono de libroj en aŭ pri Esperanto. Tiu ero efektiviĝis en la 17a de Decembro 1956 per la inaŭguro, en kvartalo São Cristóvão, de *Presejo Esperanto*, kiu tiutempe havis modernajn presmaŝinojn kaj la nemalhaveblajn tiparojn por la kompostado de esperantaj tekstoj (tipoj de supersignitaj literoj). Dum longa tempo la presejo faris kompost- kaj preslaborojn por eksteraj klientoj, tiel akirante monrimedojn por pagi la oficistojn kaj subteni la eldonojn de esperantaĵoj. Ĝi funkciis ĝis la okdekaj jaroj, kiam oni fermis ĝin, ĉar ĝi ne plu estis profitdona, interalie, pro la malmoderniĝo de la maŝinaro.




Antikva flugfolio

**3** *Hotelo/Restoracio Esperanto* kun la celo gastigi aliurbajn esperantistojn okaze de vojaĝo al Rio de Janeiro kaj havigi taŭgan manĝejon por lokaj kaj nelokaj membroj, kie ili povos fari siajn manĝojn en samideana etoso. Tiu ero de la programo efektiviĝis nur dum unu aŭ du jaroj per restoracieto vegetarana, sed tiu poste devis fermiĝi.

**4** *Bieno Esperanto*, feriejo por la esperantistoj. Tiu ero parte efektiviĝis per akiro de proprietaĵo ĉe Estrada Guandu do Sena, 5720, en kvartalo Bangu, Rio de Janeiro, la 1an de Septembro 1967. Sed bedaŭrinde juraj problemoj ĝis nun nesolvitaj bremsas la kompletan uzadon de tiu loko.

## Elstaraj Agadoj

En sia kvindekjara ekzistado, KKE grave kontribuis por la antaŭenpuŝo de la Esperanto-movado en Brazilo. Interalie oni povas elstarigi:

### Eldona Agado

KKE estiĝis ĉefe por fariĝi grava sendependa eldonejo de E-libroj en Brazilo. Ĝis tiam nur du organizaĵoj zorgis pri tio: BEL, per modesta aktiveco kaj

Brazila Spiritisma Federacio, kiu ekde 1937 pro instigo de Ismael Gomes Braga fariĝis eldonejo de e-aj libroj. Sed la konfuzo inter Esperanto kaj Spiritismo kaŭzita ĉefe pro tiu eldona agado de BSF instigis la tiamajn esperantistojn fondi Kooperativon, kiel neŭtralan E-eldonejon. La ora periodo de KKE kiel eldonejo estis la 50-aj kaj 60-aj jaroj. En tiu periodo aperis pluraj titoloj ne nur sur la didaktika kampo (lernolibroj, vortaroj, gramatikoj), sed ankaŭ sur la literatura kampo (primovada, beletra). Inter multaj verkoj publikigitaj, ni povas listigi la jenajn:

**Didaktikaj Verkoj** - Conversação Esperanto/ Português, de Pandiá Pându; Curso de Esperanto pela Bíblia, de I. G. Braga; Curso Prático de Esperanto, de Ferenc Szilagyi; Dicionário Português/Esperanto, de I. G. Braga; Ellernu - Progresiga Kurso de Esperanto, de Ferenc Szilagyi; Gramática de Esperanto, de I. G. Braga; Grande Dicionário Esperanto/ Português, de I.G. Braga; Iniciação ao Esperanto, de I. G. Braga; Junul-Kurso (Rektmetoda Baza Kurso de Esperanto), de SAT.

**Verkoj Primovadaj** - Anais do XV Congresso Brasileiro de Esperanto; De Bialystok a Montevideo, de I. G. Braga; Esperanto sen Antaŭjuĝoj, de Walter Francini; Paroladoj kaj Poemoj, de L. L. Zamenhof; Veterano, de I. G. Braga; Vida de Zamenhof, de Edmond Privat (tradukita de Alberto Bonfim).

Beletraj Verkoj – Animo Prisma, de Sylla Chaves; Dio Rekompencu Vin, de Joracy Camargo; Iracema, de José de Alencar; Ivan, la VI-a, de Geraldo Mattos; La Paperoj de Wappers, de Carlos Wappers; La Rompitaj Flugiloj, de Ĥalil Ĝibran; Mi Estas Pelé, de Edson Arantes do Nascimento; Miniaturoj, de Geraldo Mattos; Monosilaboj, de Diderto Freto; Poemoj, de Eugeniuz Matkowski; Rakontoj kaj Poemoj, de Ĥalil Ĝibran; Ritmoj de Vivo, de Geraldo Mattos; La Tento de la Junulo, de Geraldo Mattos.



Teatraĵo prezentita dum la 15a E-seminario

**Jarlibro** - Ankoraŭ pri la eldonkampo menciindas la eldono de *Anuário Esperantista/1967*, kun utilaj informoj portugallingvaj pri la E-movado en Brazilo, kaj la eldono de la periodaĵo *Kooperativismo*, informorgano de KKE, kiu regule aperis inter 1958 kaj 1960, kaj la eldono de *Dialogo* (unusola numero!), en Decembro/1975, kun valoraj primovadaj kaj beletraj artikoloj.

Fine sub la marko KKE aperis la jenaj titoloj: Amor e Eternidade, de Túlio Chaves kaj Zilah Chaves; Cent Jaroj da Kantado en Esperanto, de Sylla Chaves; Esperanto Conversacional, de Jair Salles; La Estonto Dependas de Ni, de Sylla Chaves; Libera Ekflugo, de Sylla Chaves; La Magia Ĉevaleto, de Elma do Nascimento; O Futuro Depende de Nós, de Sylla Chaves; Teatraĵo, de Aylton Lima Rocha; O Centésimo Macaco, de Ken Keyes Jr. (tradukita el Esperanto de Fernando Marinho).

Pro tiu intensa eldona agado, precipe per la eldonado de modernaj lerniloj kaj vortaroj, KKE multe kontribuis por la disvastigo de Esperanto en Brazilo.

**Landa Asocio aliĝinta al UEA**

Pro sia intensa agado en la 60-aj jaroj, kontraste al la preskaŭa stagnado de BEL tiutempe, la tiama ĉef-delegito de UEA, S-ro Lazarus Brieger, proponis, en 1970, ke KKE fariĝu ankaŭ landa asocio aliĝinta al UEA. La akcepto de la propono fare de la Komitato de UEA kaŭzis la malaliĝon de BEL el tiu monda organizaĵo kaj pro tio dum pluraj jaroj KKE estis la sola aliĝinta landa asocio al UEA, en Brazilo. Sed, en 1978, BEL reaktiviĝis kaj denove aliĝis al UEA. Kelkajn

jarojn poste, en 1985, KKE libervole rezignis pri sia ne plu necesa aliĝo. Laŭ letero al UEA de la tiama Prezidanto de KKE, D-ro Álvaro Fausto de Souza, "la Kooperativo rezignas de nun esti landa asocio en Brazilo, favore al BEL, kiu tion rajtas kaj meritas".

### 1a Latinamerika E-Kongreso

En 1968, okaze de la Brazila E-Seminario en Nova Friburgo, Aloísio Sartorato prezentis tezon, proponante ke la Kooperativo organizu Internacian E-Seminarion. La ideo estis varme akceptita, tamen efektiviĝis, post konsulto al aliaj naciaj E-asocioj en Sud-Ameriko, nur dek jarojn poste, en 1978, en la formo de Latin-Amerika E-Kongreso, okazinta en Marília, SP, sub aŭpicioj de KKE. Sendube la sukceso de tiu Kongreso akcelis la decidon de UEA okazigi Universalan Kongreson de Esperanto en Brasília, en 1981.



Ismael Gomes Braga en lanĉo de disko en KKE (dekstre: Braz)

### Krizaj jaroj

En la okdekaj jaroj KKE trapasis gravan krizon kaj la kialoj estis pluraj. Unue la fermo de ĝia presejo, kiu baraktis en financaj problemoj, ĉesigis la eldonritmon de la Kooperativo. La reaktiviĝo de BEL, nun sub la gvido de nova teamo, kaj la sekvanta kunfandiĝo kun BKE (Brazila Konsilantaro de Esperanto) kaj konsekvenca translokiĝo al Brasília, forprenis de KKE ĝian movadgvidan flankon. La malsaniĝo kaj forpaso de ĝia unua Prezidanto kaj fondinto, Braz Cosenza, estis alia grava bato. La sekvintaj prezidantoj de KKE, Álvaro Fausto de Souza kaj Dilermando de Castro klopodis administri la ĉiutagan vivon de KKE laŭeble. Al Dilermando, oni ŝuldas la iom-post-ioman pagon de la debeto de la organizaĵo al ŝtataj institucioj kaj ankaŭ la prezidan postenon de la sukcesa Brazila E-Kongreso, en Rio de Janeiro, en la jaro de la centjariĝo de la lingvo, 1987. En la 90-aj jaroj, KKE estis prezidita, unue de Djalma de Souza Lima kaj poste de Cláudio Spinelli. Ambaŭ siavice kontribuis al la daŭrigo de la rutinaj aktivecoj de KKE (librovendejo kaj farado de kursoj). Dum sia oficperiodo Spinelli grave kontribuis por la modernigo de la sidejo, plibonigo de la administraj procedoj kaj reguligo de proprietaj dokumentoj.

### Renaskiĝo

Tamen en sia lasta ofic-jaro, Spinelli devis rezigni antaŭtempe pro personaj motivoj. Kaj tiam, ĉar ankoraŭ ne estis aperinta kandidato por lin anstataŭi, li sentis sin devigata proponi la laŭleĝan likvidadon de la Kooperativo. Sed feliĉe tio ne okazis, ĉar la anaro fine reagis kaj proponis novan grupon por administri la Kooperativon. Kunordigis tiun reagon Aloísio Sartorato, Jair Salles kaj Givanildo Ramos Costa (kiu fariĝis la nova prezidanto), kun la helpo de valora teamo. La nuntempa estraro aprobis laborplanon kaj digne festis la 50-jariĝon de KKE en la pasinta julio, 2001. Tiam oni inaŭguris surmure belan portreton de la

## Brazilaj seminarioj

*Pro sia eldon- kaj kulturagado, la prestiĝo de la Kooperativo en la 60-aj jaroj estis tre alta. En 1965, tuj post la XIX Brazila E-Kongreso, kiu okazis en Rio de Janeiro, oni decidis efektivigi, sub aŭpicioj de KKE, la Brazilajn E-Seminariojn. Ĉar la dinamismo de la brazila E-movado estis tre granda tiutempe kaj pro tio ke BEL organizis la Brazilajn E-Kongresojn nur ĉiun trian jaron, oni decidis okazigi la Seminariojn en tiuj jaroj, kiam ne okazus brazilaj kongresoj. Sed pro la preskaŭa stagnado de la tiama BEL, KKE nevole transprenis al si parton de la gvidado de la brazila E-movado kaŭze de la regula okazigo de tiuj Seminarioj. Tiel, inter 1966 kaj 1983, okazis 16 Brazilaj E-Seminarioj, kiuj, tiutempe, iamaniere anstataŭis la brazilajn kongresojn ne plu okazantajn:*

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1a | Rio de Janeiro, RJ | 26-28/8/1966 | 142 partoprenantoj |
| 2a | Santos Dumont, MG | 28-30/7/1967 | 245 " |
| 3a | Nova Friburgo, RJ | 26-28/7/1968 | 151 " |
| 4a | São Paulo, SP | 18-20/7/1969 | 290 " |
| 5a | Belo Horizonte, MG | 25-26/7/1970 | 361 " |
| 6a | Campinas, RJ | 22-25/7/1971 | 255 " |
| 7a | curitiba, PR | 20-23/7/1972 | 187 " |
| 8a | Marília, SP | 19-22/7/1973 | 145 " |
| 9a | Fortaleza, CE | 21-15/7/1974 | 277 " |
| 10a | Valença, RJ | 10-13/7/1975 | 140 " |
| 11a | Brasília, DF | 15-18/7/1976 | 270 " |
| 12a | Santos, SP | 14-17/7/1977 | 210 " |
| 13a | Marília, SP (*) | 17-22/7/1978 | 150 " |
| 14a | Uberaba, MG | 19-22/7/1979 | 140 " |
| 15a | Uberlândia, MG | ?-?/7/1982 | 300 " |
| 16a | Ouro Preto, MG | 21-24/7/1983 | 135 " |

*(*) Kadre de la 1-a Latinamerika E-Kongreso*



*En 1983, okaze de la Brazila E-Seminario, en Ouro Preto, kaj cele kontribui al la estonta kunfandiĝo de BEL kaj BKE (Brazila Konsilantaro de Esperanto, alia landa organizaĵo fondita en la 70-aj jaroj), la Kooperativo rezignis pri efektivigo de nova seminario, en 1984, favore al la reveno de la tradiciaj Brazilaj Kongresoj de Esperanto, fare de BEL, nun kun la apogo de KKE kaj BKE.*

ĉefa fondinta triopo – Braz, Cedilha kaj Ismael.

### Estanteco kaj estonteco de KKE

En la daŭro de sesmonata periodo, la nuna estraro reaktivigis la kulturan flankon de KKE. Ĉiulunde okazas kulturkunveno, ĉu en Esperanto, ĉu en la portugala, sed ĝenerale pri esperantaj aŭ kulturaj temoj. Ĉiumerkrede okazas *Konversacia Klubo*, kiu celas disponigi horaron al komencantoj por praktiko de la lingvo. Regule okazas enkondukaj kaj bazaj kursoj de Esperanto. Oni denove eldonas regule dumonatan informilon (INKO – Informilo de la Kooperativo). Iom post iom renoviĝas la stoko de ĝia Librovendejo, ne nur per la aĉeto de novaj titoloj, sed ankaŭ per la komercado de diskoj, vidbendoj, aŭdbendoj, esperantaĵoj ktp. Kaj pasintjulie, KKE, akorde al sia prilibra praorigino, lanĉis kampanjon titolitan *Esperanto en la Bibliotekoj de Brazilo*, kiu celas donaci certan kvanton da libroj en aŭ pri Esperanto al publikaj bibliotekoj de Brazilo. La Nacia Biblioteko en Rio de Janeiro kaj la urba biblioteko de Barra do Garças jam ricevis la unuajn pakaĵojn. En baldaŭa estonteco estas ankaŭ celo de la nuna estraro la reaktivigo de la eldona kampo de KKE, kiu estis la ĉefa kolono de ties pasinta agado.

### Konklude

Post glora komenco kaj kelktempa krizo, KKE entuziasme reprenas sian vojon de plena dediĉo al la plua sukceso de la E-movado en Brazilo, kunlabore kun la nuna dinamika agado de BEL, kiu en 2005 centjariĝos.

# Baroka preĝejo

Fasado de la Preĝejo Sankta Francisko, unu el la plej tradiciaj de São João del Rei.

Foto: Helio Chierighini



Altaro



Detalo de la pordo

*La baroko estis la plej grava arta movado en la kolonia Brazilo, kaj en la ŝtato Minas Gerais pintis tiustila arkitekturo. En la jaro 1774, sub la gvidado de mulato, konata kiel Aleijadinho (Kripuleto), komenciĝis la konstruado de unu el la plej esprimpovaj religiaj monumentoj de la ŝtato, la preĝejo de Sankta Francisko, en São João del Rei, en riĉa regiono, naskiĝejo de vere nacia kultura manifestiĝo, kie troviĝis ankaŭ aliaj vilaĝoj kiel Congonhas do Campo, Mariana, Sabará, Caeté kaj Ouro Preto.*
*La preĝejo de Sankta Francisko estas konsiderata unu el la ĉefverkoj de Aleijadinho pro la formala pureco de la strukturo kaj pro la harmonia sintezo inter la internaĵo kaj la eksteraĵo.*


Foto: Helio Chierighini

Kristo


Foto: Helio Chierighini


Foto: Helio Chierighini

Detalo de la supraĵo de la pordo de la preĝejo

Navo de la preĝejo.

# IKU invitas por prelegi

En Fortalezo okazos la 55-a sesio de Internacia Kongresa Universitato, kie rajtas prelegi universitataj profesoroj aŭ personoj kun simila kvalifiko.

*Ili estas invitataj sendi siajn prelegproponojn al la sekretario de la IKU-komisiono, D-ro Hans Michael Maitzen (Endemanngasse 6-18/1/24, AT-1230 Wien, Aŭstrio - retpoŝto: maitzen@astro.univie.ac.at).*

La propono enhavu koncizan resumon (maksimume ĉ. 200 vortoj) de la prelego, koncizan biografion kaj personan bibliografion. Necesas aldoni ankaŭ foton taŭgan por publikigo. La prelegoj prefere, sed ne devige, rilatu al la kongresa temo "Diverseco: ŝanco, ne minaco".

La elektitaj prelegantoj ricevos modestan honorarion, sed ne repagon de siaj kostoj. Ĉiu preleganto devas esti kongresano kaj mem zorgi pri sia aliĝo.

Aparte bonvenaj estas junaj kandidatoj kaj tiuj, kiuj antaŭe ne prelegis en IKU.

Limdato por la kandidatiĝoj: 15-a de januaro 2002.

# Nova telefonsistemo

BEL-estraro plezure informas, ke ekde novembro jam funkcias nia nova telefonsistemo kun la jenaj branĉoj :

20 – Departemento pri Komunikado
21 – Brazila Esperantisto
22 – Prezidanto
23 – Vic-Prezidanto
24 – Sekretario
25 – Kasisto
26 – Sekretario
27 – Admininistrado
28 – Biblioteko
29 – Departemento pri Komerco (Libroservo)
30 – Informadiko kaj Eldonado
31 – Fakso

La ĉefa telefonnumero daŭre estas (61) 226-1298. Se vi preferus paroli rekte al Depatemento aŭ ĉambro, bonvolu klavumi la numeron de la koncernan branĉon. Sed, se vi ne deziras enkapigi iun ajn numeron, bonvolu atendi iomete, ĉar iu ajn parolos al vi.

Por alfaksado vi povas same uzi la tradician telefonnumeron (61) 226-4446.

Ni kredas, ke per tiu sistemo estos pli facile pritrakti niajn aferojn.

# Prezidanta mesaĝo



Jen, denove, la 25a de decembro, kiu estas signifa tago por ĉiuj kristanoj, rememore al la Kristnasko!

Oni diras, ke ĉiam estas tempo por interŝanĝo de donacaĵoj, sed mi opinias, ke almenaŭ en tiu tago la homoj konscie devas mediti pri la grava mesaĝo alportita de la datrevenanto al nia planedo, antaŭ du mil jaroj, kies enhavo estas mirinda.

Kiu estis tiu homo? Li estis Jesuo, kiu estas la plej perfekta tipo, kiun Dio donis al la homo, kiel ties gvidanton kaj modelon. Jes, ĉar li estas la ekzemplo de la morala perfekteco kaj la doktrino instruita de la Kristo estas la plej pura esprimo de la Dia Leĝo.

Tamen, oni scias, ke ĉiu afero venas siatempe, ĉar la vero estas kiel lumo: oni devas al ĝi alkutimiĝi iom post iom, alie ĝi blindigas.

Nuntempe, kiam la mondo spektas raportojn pri teruraj aferoj, kiuj okazas ĉie, ĝuste en la komenco de nova jarmilo, oni bedaŭras, ke la homoj ankoraŭ ne volas konsideri tiun mesaĝon, kiu estas la solvo de ĉiuj ĉagrenoj, kies bazo nomiĝas egoismo.

Pere de la kristana mesaĝo, oni diras, ke estas en danĝero la homoj kiuj lokas sian menson absolute en memavantaĝo, ne zorgante siajn devojn rilate al la mondo, en kiu ili vivas kaj senĉese tenadas la fiksideon sin defendi. Ankaŭ estas en danĝero aliaj homoj, kiuj rekonas la grandecon de la Diaj Veraĵoj, sed neniam havas tempon por ilin efektivigi.

Do, en la fino de tiu ĉi jaro, mi invitas ĉiujn gesamideanojn, kiuj esperas, ke nia mondo pliboniĝu, mediti tiujn ĉi vortojn de Jesuo: "vidu, kion vi volus, ke oni faru, aŭ ne faru, al vi; ĉio estas entenata en tiu ĉi principo. Laŭ tiu ĉi veraĵo, vi ne eraros."

Ne al milito! Ne al egoismo!
Jes al paco! Jes al amo!
Elkore bondeziras al ĉiuj
Feliĉan Kristnaskon! Feliĉan Novjaron!

*Lício de Almeida Castro*

**Mi gratulas la eldonan stabon de BE** pro ties bonega grafika aranĝo kaj kompetenta eldono. Ankaŭ mi laŭdas la gigantan paron Symilde kaj Gilbert pro la laboro pavimi la vojon de la aktuala periodaĵo.
Vicente Durço, Brazilo

**La religia problemo** estas ampleksa afero. Ĉiu ĝin komprenas laŭ diversaj pensmanieroj. Ni foliumu la UEA-jarlibron por konstati, ke Esperanto estas ĉies. Esperanto devas ĉeesti en ĉiuj medioj. Mi jam multe faris kaj ĉiam plu faros por Esperanto ĉe Spiritismo. Nu, revuo devas esti demokratia ilo kaj ĉiuj rajtas partopreni.
Daniel Peliz, Brazilo

**Mi opinias, ke estas eraro** aserti, ke BEL ne estas spiritisma asocio. Spiritistoj delonge regas kaj manovras tiun institucion. Mi legis la respondon al la protesto de Manoel Aguilera, verkita de la ĉefredaktoro de BE kaj devas konfesi, ke ĝi estas inteligenta artikolo pro tio, ke ĝi ŝajnigas la revuon tute neŭtrala. Certe la revuo estas neŭtrala, kiel Esperanto estas neŭtrala lingvo. Partiemaj estas la homoj kiuj ilin regas kaj eble foje ilin misuzas. Fine mi kredas, ke spiritistoj ne estas kulpaj pri tio, ke senpartiaj homoj bedaŭrinde ne pretas partopreni la estraron de BEL. La vera religio kaj filozofio de Esperanto estas la senpartia homaranismo de Zamenhof, kiu devus esti plejfunde konata kaj diskonigata. Ni laboru senpartie.
Gilberto Bezerra da Costa, Brazilo

**Reage al la leteroj** de José Pardal kaj Manoel Aguilera (BE, n-ro 315), mi volas diri, ke Esperanto estis kreita por ĉiuj. Zamenhof ne kreis Esperanton por ia aparta klaso, grupo, religio, politika partio aŭ ideologio. Staras iuj el ni, kiuj malŝatas rokon, sed la kodisko de Merlin estas bonega, meritplena laboro. Amasego da homoj ŝategas rokan muzikon. Ĉu oni forpelu gejunulojn (ankaŭ plenaĝulojn) kiuj rokmuzikas? Pri religioj oni ne diskutu! Oni ne diskutu kredon aŭ malkredon! La plejmulto el la esperantistoj brazilaj estas spiritistoj. La plejmulto el la esperantaĵoj elvenas el spiritismaj asocioj, oni vaste lernas Esperanton en spiritismaj grupoj. Kial ne raporti pri Esperanto ĉe spiritisma medio? Same kiel spiritismo faras por Esperanto en Brazilo, oni deziru, ke la ceteraj religioj faru ĉi tie kaj tra la mondo.
Membroj de Torres Esperanto-Rondo, Brazilo

**Unue mi volas gratuli** Brazilan Esperanto-Ligon por la tre bela kaj profesia esperanto-revuo BE n-ro 316, kiun mi ricevis ĉe TAKE-ESPERANTO. Daŭrigu tion.
La reklamo sur paĝo 13 estas tre bone farita, ankaŭ ni uzos ĝin ĉe ni. La artikolo Homaranismo kaj entreprenado estas tre bona. Fakte multaj esperantistoj zorgas nur pri literaturo kaj turismo, kaj renkontiĝas nur inter si (en fermita rondo).
Laŭ mi ni devas uzi esperanton ĉiutage, kaj esti fiere vivi kaj partopreni "demokratian pacan mondafamilion". Mi provas uzi esperanton ĉiutage en mia profesio . Bedaŭrinde mankas entreprenistoj, komercistoj, kiuj havas monon por entrepreni ion aŭ riski.
Michel Basso, Francio

## A N O N C E T O J

Esperanta grupo vendas tri poŝtkartojn el Brazilo, senditajn al franca esperantisto inter jaroj 1900-1920. Prezentu viajn proponojn pri prezoj al *g.d.dauphin@wanadoo.fr* aŭ al Guy Dauphin, 5bis rue Hauvy, 10300 Ste Savine, Francio (aldonu internacian respondkuponon).

Mi deziras havi geamikojn en Brazilo kaj aliaj landoj. Nelson Ramos Peres, Calle 44#108% 13y26 de Julio, Rpto Camilo Cienfuegos Bayamo, Granma, Kubo

Mi estas 60-jara polino, instruisto de la germana lingvo kaj deziras korespondi serioze kaj regule kun samaĝa esperantistino el Brazilo pri fremdlingvoj, kulturo, historio, literaturo, ĉiutaga vivo, ĝardenado kaj turismo. Stanjo Stanistavva, Stanislawa Krzywdznska, ul Sikorskiego 30, 33-300 Nowy Sacz, Pollando.

Ji Yingeng, 65-jara emerita instruisto de la rusa kaj angla lingvoj, kaj Cao Guigeng, emerita oficistino, membroj de Pasporta Servo, volas aĉeti novan kaj pli grandan loĝejon. Subvenciantoj povos rekompence loĝi kaj kunmanĝi senpage en nia hejmo, tiom longe kiom ili volos, dum ili estos en Shanghai. No. 8 lane 57 Xinzha Road, Shanghai, Ĉinio.

Se vi estas instruisto en universitato aŭ io simila kaj se vi povas prelegi pri la kongresa temo en Fortalezo: "Diverseco: ŝanco ne minaco" aŭ pri scienca temo en la Internacia Kongresa Universitato, bonvolu anonci vin al mi, Renato Corsetti *renato.corsetti@esperanto.org*.
Se vi konas tiajn esperantistojn, bonvolu instigi ilin anonci sin al mi. La venont-jara Universala Kongreso estu triumfo de la sud-amerika esperantista scienco.

Francaj ĝemeloj 6-jaraj volas korespondi: 1) Luca Basso, interŝanĝas etikedon de mineral-akvo kontraŭ PM,PK aŭ moneroj de Francio. 2) Lino Basso, interŝanĝas etikedojn de Olivoleo kaj biero kontraŭ PM,PK aŭ aliaj aferoj de Francio. 9, Rue Doumer, F-68920 Wintzenheim, Francio.

**Teksto de** *Gacy Simas* **Desegnoj de** *Elison* **Traduko de** *Valério Rodolfo*



# Kristnasko














# Porto Alegre

## La urbo

Porto Alegre estis fondita la 26an de Marto 1772, kiam 60 paroj de azoraj geedzoj eniris en la havenon de la estuaro de rivero Guaiba kaj irante en la interlandon, fiksiĝis 30 kilometrojn malproksime de Viamão, fariĝinte la unua ĉefurbo de la Provinco Sankta Petro de Sud-riogrando. Sed la malgranda vilaĝeto konata kiel Haveno de Geedzaj Paroj iom poste fariĝis grava centro kaj tre frue gajnis la nomon Porto Alegre (Gaja Haveno).


Foto: Interreto


Foto: Interreto


Foto: Interreto

## La movado

"En Rio Grande do Sul fondiĝis antaŭ ne longe Esperanto-Societo Sud-Rio Granda, en kies estraro estas la eminentaj esperantistoj C. Kramer kaj R. Geyer. En tiu ŝtato grandegaj estas la progresoj de Esperanto, ĉar en 1894 S-ro Arno Philipp, direktoro de Deutsche Zeitung skribis favoran artikolon, antaŭdirinte sukceson de Esperanto.
Ankaŭ Valdimir Lorenz sendis, en 1896, broŝuron propagandan al librejo kiu, tiutempe, ĝin ne akceptis."
Tiel tekstis noto en la unua numero de Brazila Revuo Esperantista, en 1907.
Nuntempe du movadaj asocioj havas sidejon en la gaŭĉa ĉefurbo: Gaŭĉa Esperanto-Asocio estas la ŝtata asocio kaj PortoAlegra Esperanto-Asocio rolas kiel urba societo. Ankaŭ viglas tie poresperanta spiritisma movado.

# Flue kaj elegante pri tikla temo

Floriano Pessoa

Por homo interesiĝanta pri sociologiaj kaj psikologiaj problemoj, la verko de Agenita Ameno kaptas kaj tenas atenton, tra la plimulto de ĝiaj paĝoj. La premisoj, la rezonado kaj la konkludoj de la aŭtorino pri vere tikla temo estas ne sendisputaj, sed ĝuste la polemiko, kiun ili povas veki, spicas la libron kaj invitas al legado. Cetere, ne eblas senatente legi la libron, ĉar la kompleksa karaktero de la sociaj kaj psikologiaj rilatoj kiujn ĝi priskribas, por taŭga kompreno postulas plenan koncentriĝon de la leganto.

La esperanta traduko de Paulo Sérgio Viana estas klara, flua kaj eleganta kvazaŭ originale verkita. Kvankam mi ne vidis la originalon kaj tial ne povis, eĉ specimene, kontroli fidelecon, mi tamen havas nur motivojn por supozi, ke Paŭlo ne perfidis la aŭtorinon. En tia etoso, harfendado pri gramatikaj detaletoj, tajperaroj kaj similaj, certe sonos kiel radoknaro meze de simfonio; sed multaj ne pardonas recenzanton, se tiu pretervidas ĝuste tiajn mikroskopaĵojn. El "profesia devo", do mi mencios la ege malmultajn punktojn kie, per dika lenso, mi trovis formojn eble plibonigindajn en estonta dua eldono:

-pĝ. 17 "Ili ĝin forlasis, ne pro tio, ke ili detruIS la naturajn rezervojn, ao pro tio, ke ili spitIS la medion". Se la ĉasistoj kaj kolektistoj NE detruis la naturajn rezervojn, NEK spitis la medion, tiukaze oni devus uzi US anstataŭ IS, ĉar temus pri hipotezo. Simila strukturo troviĝas sur paĝo 67: "ne temas pro tio, ke patrineco estAS sklava laboro". Se hipotezo, oni devus skribi... "patrineco estUS".

-pĝ. 21 Klara tajperaro: "ili revenadis kaj trovadis la medion eĉ pli riĉaN".

-pĝ. 21 "Krome, la okazado de perforto aŭ perforta morto, KONSTATITA laŭ la preskaŭ kompleta foresto de perarmilaj ostorompiĝoj estis praktike nula". Ĉi tiu periodo ŝajnas al mi ne logika. Mi preferus: "Krome, la okazado de perforto aŭ perforta morto estis praktike nula, kiel konstateble laŭ la preskaŭ kompleta foresto de perarmilaj ostorompiĝoj". Aŭ eble mi fuŝkomprenis la tutan ideon?

-pĝ. 24 -Tajperaro: kiu, anst. kiuj.

*-pĝ. 33/34 Mi konfesas, ke mi ne komprenis la konkludojn de la aŭtorino, pri la kontrasto inter naŭzo* kaj *ĉagreno,* kaj, paralele, inter *sensacoj* kaj *sentoj*. Mi emas konkludi, laŭ ŝia priskribo, ke *naŭzo* korespondas al *sensaco*; kaj *ĉagreno*, al *sento*. Sed la sekva teksto instruas la malon, nome: "oni do lokas *naŭzon* en la kampo de *sentoj*". Ĉu konfuzon faras mi aŭ la teksto?

-pĝ. 22 Piednoto informas, ke "disigi lolon disde tritiko" estas brazila esprimo. Tamen, pro la disvastiga forto de la Evangelio, ĝi de longe estas internacia, kiel ni povas konkludi, interalie el konsulto al Larousse-vortaro: *separer le bon grain de l'ivraie* (apartigi bonan grenon disde lolo").




Socia rolo de Kromamantoj
2001, 81 paĝoj.
R$ 8,00

Kontraste kun tiu mizera rikolto de bagateloj, la libro regalas nin per multaj trafe kaj elegante uzitaj esprimoj kaj terminoj, kelkaj eble originalaj, kiujn ĉiu serioza studanto de nia lingvo devus noti kaj eĉ memorigi. Pro spacolimigo mi mencios nur kelkajn:

a) la vorto KROMAMANTO pli precize pentras eksterleĝan parulon, ol la elasta vorto AMANTO, tiusence uzata de Zamenhof, ekz., en "Georgo Dandin". kaj ankoraŭ subtenata de PIV; b) la vorto MALHOMARO, tipa esperantismo;

c) kromulino, tiulo, tiulino; ĉ) objektoj de sur tablo, de sur lito; d) malakomodiĝi disde io; e) ludi hejmomastradon; f) ludi baskulon super abismo; g) rapidrestadaj hoteloj; ĝ) daŭrefrauloj/inoj h) plibonigi sian kokonon; ĥ) finfari sian individuiĝon; i) detruadi ventmuelilojn.

Mi finu per sincera gratulo al la aŭtorino, al la tradukinto kaj al la eldoninto de ĉi tiu utila verko, kiun mi rekomendas, enhave kaj lingve.

# Brazila talento

**Tiuj, kiuj jam aŭdis la kodiskon de Tarcisio Lima opinias, ke ĝi estas raviga, bela kaj profesie produktita. Enlistiĝu vi inter la opiniantoj.**




◎✹ *Verdastelaj Brazilaĵoj*
*Tarcisio Lima* *BEL*
**$** *15, 00*

*Simboloj:* ◎ *Kodisko*
✹ *Titolo* *Kantisto*
*Produktoro* **$** *Valoro en realo*

*aĉetebla ĉe BEL*

# Unuafoje en Brazilo

Carlos Eduardo

Pato Branco estis reprezentita en Universala Kongreso de Esperanto en Kroatio, kie ĉeestis ĉirkaŭ du mil esperantistoj el 55 landoj. El Brazilo ĉeestis, inter aliaj esperantistoj, la reĝisorino Eliane Somacal Gauze, prezidanto de la LKK de la Internacia Junulara Kongreso, okazonta venontjare en la urbo. Ŝi prezentis detalojn pri la evento, unuafoje okazonta en Brazilo. Post ŝi vojaĝis al Straburgo, Francio, kie ŝi partoprenis la Internacian Junularan Kongreson, reprezente de BEJO (la peranto de TEJO en Brazilo). Tiam ŝi prezentis detalojn pri Pato Branco, la venonta sidejo de la kongreso, kiu arigos homojn el pluraj landoj.

Krom la kutimaj programeroj de IJK, unuafoje okazis Lingva Festivalo, kiam Eliane Gauze kaptis la okazon por prezentado de la portugala lingvo al grupo, kies deveno estis plejparte eŭropa.

Ŝi kaptis la okazon ankaŭ por instrui la muzikon *Lá vem o Pato* de la fama brazila komponisto kaj poeto Vinícius de Moraes, kies titolo memorigas la nomon de la urbo, sidejo de la venonta kongreso, Pato Branco.

# Afriko en la reto*

Afrikaj esperantistoj pli kaj pli bone mastras la modernajn komunikilojn. Diskut-rondojn kaj hejmpaĝojn pri Esperanto en Afriko kaj Afriko en Esperantujo ili kreas en la TutTera-Teksaĵo:

**1** Agado en Afriko: arigas esperantistojn interesiĝantajn pri la Afrika Agado. Laŭ la ĵus elektita termino, temas pri Esperantistaj Amikoj de Afrikaj Esperantistoj (EAAE). Ankaŭ afrikano povas aliĝi al la grupo.

Por aliĝi, sendu mesaĝon al *agado-en-afriko-subscribe@egroups.com* aŭ al *esp.togo@cafe.tg*.

**2** Esperantistoj Afrikaj: arigas la afrikanojn, kiuj interrilatas por diskuti pri la Afrika Agado. Ankaŭ eksterafrikanoj povas aliĝi al la grupo. Por aliĝi, sendu mesaĝon al *esp.togo@cafe.tg* aŭ al *esperantistoj_afrikaj-subscribe@egroups.com*.

**3** Esperanto en Togolando: diskut-rondo de esperantistoj, kiuj ricevas la periodaĵojn Togolandajn kaj gravajn informojn pri la paŝoj de la togolanda movado. Por aliĝi, sendu mesaĝon al *esp.togo@cafe.tg* aŭ al *esperanto-en-togolando-subscribe@egroups.com*.

** Parto de teksto ĉe la TTT-ejo de la afrika agado <perso.wanadoo.fr/eric.coffinet/Afrika_Agado.html>, laŭ informo de Gbeglo Koffi*

# La nova estraro de ĈEspA

La nova estraro de ĈEspA elektika dum la 6a Ĉilia Renkontiĝo de Ĉiliaj Geesperantistoj estas:

Prezidanto, Ivan Mattig Catalan; Ĝenerala Sekretariino, mag. Georgina Giandrosic; Kasisto, Gabriel Moreno; Estraranoj, Simon Seguin kaj Hector Campos; Peranto de UEA, ttt-ejestro kaj Komisiito pri Eksteraj Rilatoj estas Hector Campos.

Delegito de Ĉilio antaŭ UEA-Komisiono pri Ameriko estas José Antônio Vergara. Por la Lingva Komitato estas elektita Jorge Tachauer, José Antônio Vergara kaj Marcos Salas.

Por la Pedagogia Komisiono estas Ivan Mattig, Gabriel Moreno, Daniel Zanelli kaj Simon Seguin.

# Al Kali en 2002

En la kongreso en Fusagasugá, okazinta je la 10/12 de novembro, la artaj vesperoj multe kontentigis la partoprenantojn kaj altiris rekonojn kaj aplaŭdojn. Estis signifoplena fakto la nombro de junuloj tre interesitaj lerni, praktiki, difuzi Esperanton kaj kunporti la spiriton de la zamenhofa afero. La esperantistoj italdevenaj, venintaj el Belgio, Guido kaj Sabina Ricci, altiris la aprezon kaj estimon de la kongresanoj kaj siavice Profesoro Geraldo Mattos impresis ĉiujn per sia klereco kaj simpatio.

Venontjare, Kali, bela kaj alloga urbo de Kolombio, akceptos nin per sia kutima gastamo, por kune ĝui la 8an Kolombian Kongreson de Esperanto.


Kali

Foto: Interreto

# Mondcivitano, legu librojn en Esperanto

**La literaturo en Esperanto estas unika, eksterordinara kaj transpasas ĉiujn limojn. Kiu legas librojn en Esperanto vere estas mondcivitano. Petu al ni bazan katalogon de didaktikaj libroj, vortaroj kaj literaturo ĝenerale.**



































































**Brazila Esperanto-Ligo**
Poŝtkesto 03625
70084-970 Brasília - DF

Tel. (61) 226-1298
Fakso (61) 226-4446

bel@esperanto.org.br
www.esperanto.org.br

# Brazila Kroniko



Fakultato

## UniCerto diskonigas Esperanton

*La Fakultato pri Beletro UniCERTO, en Taguatinga-DF, okazigis gravan renkontiĝon, 1a Semajno pri Beletro, dum la lasta semajno de oktobro, sub la kunordigo de profesoro Nelson Carvalho, kiu jam lernis Esperanton. Dum la Semajno okazis kurseto pri Esperanto por 20 gelernantoj, kies gvidanto estis Lício de Almeida Castro, BEL-prezidanto. La kurso vekis la atenton de la gelernantoj, kiuj interesiĝis pri la oficialigo de la instruado de Esperanto en la fakultato.*

E-kurso

## En fakultato



*Komenciĝis je la 4a de septembro e-kurso en Faculdade Integração (Santos-SP). La varbado de gelernantoj okazis per prelego farita de Maria Almada kaj Emilio Cid, al 120 aŭskultantoj. El la 140 enskribintoj 90 ĝis nun fidele lernas nian lingvon.*

Niterói-RJ

## Nitek

*La ĵus kreita hejmpaĝo de Niterói Esperanto-Klubo, profesie farita sub la gvidado de ties prezidanto, André Luiz de Souza, estas sendube unu el la plej belaj kaj trafaj de la brazila esperantujo en Interreto. Menciindas, ke Nitek estis fondita en 1906, fakto raportita en la hejmopaĝo, kaj tiel ĝi estas unu el la plej antikvaj e-organizaĵoj en nia lando (BEL, por ekzemplo, estis fondita en 1907).*
*Multaj aliaj interesaj hejmpaĝeroj vizitindas en la adreso <www.nitek.org>.*

Luziânia-GO

## TEK disvastigas E-on en Luziânia



**Cleto Galvão prelegas**

*Taguatinga Esperanto-Klubo, kiu ekde julio havas novan estraron, sub la gvido de la senlacigebla Carlos Maria, organizis seminarieton pri Esperanto en Luziânia, kadre de spiritisma evento. La urbo, tre proksime de Brasília, delonge estas regule vizitata de Cleto Galvão, alia entuziasma tekano cele al starigo de tiea e-movado. Ni fidas je la strebado de nia laborema duopo.*

Lavras-MG

## Laŭ la spuroj de Sudparaiba Valo

*Je la 28a de oktobro plia MIRECO – Minasa-Renkontiĝo de Esperanto Centro-Okcidenta okazis, ĉi-foje en Lavras, kunordigita de Aloísio Penoni. Esperantistoj el la urboj Lavras, Formiga, Divinópolis, Belo Horizonte, Ribeirão Vermelho, Varginha, Pouso Alegre, Caxambu, Juiz de Fora, Ipatinga, ĉiuj el ŝtato Minas Gerais, kaj el Brasília-DF, Ribeirão Preto-SP, kaj Maceio-AL, ĝuis la programerojn de tiu unutaga evento, kiu havis kiel prelegintoj la jenajn aktivulojn: MiMa (el Ribeirão Preto-SP), Joe Basílio (el Formiga-MG), Jader Silva (el Belo Horizonte-MG), Simone kaj Maximillan (el Juíz de Fora-MG), kiu brile paroladis pri la ĉefa temo de la renkontiĝo - Kien Esperanto.*
*La belega prezento de la loka koruso Cantart Corus brile fermis la eventon, emociiginte la ĉeestantojn.*
*La urbo de la venonta MIRECO jam estas elektita: Pium-i. Tio memorigas nin pri la jam tradiciaj regionaj renkontiĝoj de la Sudparaiba Valo (ŝtatoj São Paulo kaj Rio de Janeiro), kaj espereble aliaj regionoj en Brazilo imitu tiujn du belajn ekzemplojn.*

Santos-SP

## *Almada ne plu sola*



*La veterana Maria Almada nun havas la kunlaboron de la tre aktiva Emilio Cid por la plivivigo de la movado en Santos. Okaze de la Ago-Tago Almada faris prelegon en Universitado Santa Cecília kaj ankaŭ disdonadon de flugfolioj, kun la helpo de 8 gelernantoj estis alia agado iniciatita en Santos. Oni kaptis la okazon por vigla debato pri la estontaj laboroj por Esperanto en la regiono, kaj certe oni povos kalkuli je la novbakita instruistino Maria Lúcia, kiu eklernis Esperanton en marto 2001 kaj jam estas preta por la instruado.*

Volta Redonda-RJ

## *En radio*

*Ĉiulunde matene Alberto Flores reĝisoras radioprogramon pri Esperanto ĉe Rádio Cidadania (Radio Civitaneco). La programo daŭras 30 minutojn, kun informoj, intervjuoj, muzikoj en Esperanto kaj aliaj programeroj. Jam de 3 jaroj la programo konstante estas dissendata en Volta Redonda, kies tieaj emerituloj havas de la komenco de la jaro la okazon lerni Esperanton en sia organizaĵo, nome Asocio de Emerituloj kaj Pensiuloj.*

Recife-PE

## *Nova Jarmilo*

*"Ni ĉiuj scias, ke la plej granda forto de la e-movado en nia lando kaj ankaŭ en la mondo, dependas de ĝiaj veraj aktivuloj". Jen vortoj de Edson Mascarenhas, prezidanto de Brazila Asocio de Kursoj kaj Didaktiko de Esperanto, kiu kunordigis la 6an Renkontiĝon de la Pernambukaj Esperantistoj, okazinta la 29an de septembro, en Nazaré da Mata. La evento ricevis la apogon de la Movado de la Katolikaj Esperantistoj de Olinda. La ĉefa programero estis la diskutado de la temo Esperanto kaj la Nova Jarmilo. Pernambuka Esperanto-Asocio, kiu vigle rolas en la nordorienta brazila movado, havas kiel prezidanton Jannes Mabesoone, kiu ankaŭ estas la vic-prezidanto de la Federacia Konsilantaro de BEL.*

Três Rios-RJ

## *Sudparaibvala E-Renkontiĝo*

*Kadre de la Programo* **Pac-lernejoj**, *kaj de UNESKO kaj de la brazila ŝtato Rio-de-Janeiro, la 18an de novembro 2001 okazis en Três Rios-RJ la 46a E-Renkontiĝo de sudparaib-rivera valo. Seminario (Ĉu eblas justa milito?), prelegoj (Rakonti kaj aŭskulti: nia kontribuo al paco kaj Afrik-lingva influo al la brazil-portugala), provlecionoj de la araba, ĉina kaj Esperanto, kvizo, sporto (tabloteniso, futbalo, ŝako), kaj arto (kanto, poezio ktp) estis la programeroj.*

Brasília-DF

## *Orkestro de Gitaroj dekjariĝas*





*La nura orkestro de Brasília konsistigita ekskluzive per gitaristoj kaj konata pro sia diversa repertuaro dekjariĝis en junio. En la grupo estas ludata renesanca muziko, ŝorinjo, sambo, frevo, valso kaj MPB (Muziko Popola de Brazilo). Nu, el la 14 gitaristoj unu estas eksprezidanto, Gustavo, kaj alia, José Melo, estas la nuna vic-prezidanto de Esperanto-Asocio de Brasília. Gustavo komponis muzikon nomatan Melodioj, ofte ludata de la orkestro. En tiuj okazoj, Esperanto estas ĉiam menciata.*

Libroj

## La sukceso de Fonto




*La libro **Gerda Malaperis**, de la svisa esperantisto Claude Piron, eldonita de la brazila eldonejo Fonto, estas la tria inter la plej venditaj en la lasta jardeko, laŭ UEA. La unua kaj la dua estas respektive Saluton, de UEA mem, kaj **Pasporta Servo**, de TEJO. La ceteraj libroj eldonitaj en Brazilo inter la plej venditaj estas **Originala Esperanto Bildvortaro** (EASP), de Sylla Chaves kaj **Vere aŭ Fantazie** kaj **Ili kaptis Elzan,** de Claude Piron. Ĉiuj mendeblaj ĉe BEL-Libroservo.*

Barra Bonita-SP

## San-Paŭlo laboras

*Ĉio komenciĝis matene, per promenado, kun multaj gejunuloj el Campinas, São Paulo, Campo Grande, São Carlos, Rio de Janeiro kaj Usono, kaj per teatraĵo en la vendreda vespero okaze de la oficiala malfermo. Sabate la temo Mitoj en la propagando de Esperanto* estis pritraktita de Adonis Saliba kaj Gilbert Ledon. James Piton (La kultura valoro de Universalaj Kongresoj de Esperanto), Elvira Fontes, Eliana Simone kaj Valéria Garcia (bazaj kursoj), Neuza Priscotin (La unuaj kongresoj de Esperanto) kaj vidbendaj filmoj kaptis la atenton de la ĉeestantaro, dum dimanĉe matene la lastaj programeroj, per prelego de José Lunazzi, kunveno de BEJO kaj muzika prezentado en la stacidomo fermis la 23an Esperanto-Renkontiĝon de la Ŝtato San-Paŭlo.
*La partoprenantoj ricevis tekon kun la analoj de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo kaj resumo de la prelegoj.*

Rio de Janeiro

## 8a ERGR

*La 21an de Oktobro okazis, sub la aŭspicioj de Asocio Esperantista de Rio de Janeiro, ĉe Municipa Lernejo Juan Montalvo en la kvartalo Jacarepaguá, la 8a Esperanto-Renkontiĝo de Granda Rio. Tiu evento celas arigi la esperantistojn, kiuj loĝas en la urbo Rio de Janeiro kaj ĉirkaŭaĵoj. Pluraj prelegoj okazis: ĉefprelego de Paulo Sérgio Viana pri la temo Kial Esperanto ; Surbaze de Zamenhofa teksto fundamente parolis Floriano Pessoa pri Instruoj el la klasika teksto; Gilbert Ledon pri La ovo kaj la kokino ; Danilo Villela pri Kion Esperanto donas al ni; Symilde Ledon revenis al la temo de la ĉefprelego kaj estris debaton. Sylla Chaves prelege lanĉis novan kurson pertelevidan kaj Jair Salles gvidis kurson por komencantoj. Alfredo Aragón bonege estris la programerojn.*

Taguatinga-DF

## Per Prelego kaj arto



*Je la 16a de septembro okazis la 4a Esperanta Renkontiĝo de Taguatinga, kun pli ol 70 partoprenantoj. La programo konsistis el prezentado de la video-filmo Esperanto (Interpress), farita en 1987, kiu prezentas mondan panoramon de la tiuepoka esperanto-movado. Poste profesoro Waldir Antônio Silvestre prelegis pri la temo Lingvaj Problemoj kaj ties fina solvado. La trupo Nova Erao, kun infanoj, kantis kaj skeĉumis; José Melo, kun siaj filinoj Larissa kaj Ana Clara lerte prezentis flutojn kaj gitaron; Alessandro Frutuoso, Álvaro Dias kaj la profesia Flávio Fonseca kantis plurajn kanzonojn.*

Torres-RS

## Temo priesplorinda

*En la urbo Torres, de la 12a ĝis la 13a de oktobro okazis la 6a Gaŭĉa Renkontiĝo de Esperanto, kies temo estis La instruado de Esperanto.*
*Oni nomis la urbon Torres sub la inspiro de la loka pejzaĝo, kie troviĝas du rokoj turoformaj. Espereble la movadanoj gaŭĉaj inspiriĝu ankaŭ en tiu sama pejzaĝo por fariĝi rokaj turoj, kapablaj rezisti laŭlonge de la tempo al la movadaj malfacilaĵoj.*

Softvaro

# Furoras la kurso de Carlos Pereira

*La programo Kurso de Esperanto, kreita de Carlos Pereira, el Rondonópolis, pli kaj pli internaciiĝas. La itala revuo Inter.Net, en sia 73a numero (Nov/2001) iom reliefe publikigis la programon. Krom en Esperanto, la kurso havas versiojn en la portugala, angla, franca kaj hispana lingvoj kaj nun ankaŭ en la nederlanda, dank' al la juna Maarten van Gompel. Elŝutu senpage vian ekzempleron ĉe www.cursodeesperanto.com.br*

Porangatu-GO

# Fakultato pri Beletro malfermis la pordojn

*La fakultado pri beletro de la Ŝtata Universitato de Goiás, en Porangatu, subvenciis la viziton de la redaktoro de BE kaj prezidanto de la Federacia Konsilantaro de BEL, Fabrício Valle, por dutaga laborado por Esperanto (9a kaj 10 de oktobro), per intervjuo en loka radistacio, prelegoj kaj al la ĝenerala publiko kaj al du studentaj klasoj, kiuj ankaŭ havis la okazon lerni fundamentajn nociojn de la gramatiko de Esperanto.*

*Tie aktivas la jam esperantistiĝinta profesorino pri geografio, Ana Maria, kaj ekinteresiĝis pri la afero la profesorinoj pri beletro Marília Nogueira kaj Jeane Maria Borba (kunordiganto de la Beletra Kurso). Ankaŭ ĉeestis en unu el la prelegoj Silma Júlia de Oliveira (direktoro de la Universitato).*

*En la loka leĝdona ĉambro estas urba konsilanto kiu ankaŭ simpatias al Esperanto. Bona grundo por nia daŭra semado.*

*Cetere, nur kelkaj tagoj post la prelego, du studentinoj loĝantaj en la najbaraj urboj Niquelândia kaj Uruaçu decidis pli funde esplori la temon kaj komencis agadon tiucelan.*

Gazetaro

# Amado en Esperanto en Veja

*La revuo Veja (ĉirkaŭ 1 miliono da legantoj) publikigis kiel aneksaĵon la rakonton de Jorge Amado, La morto kaj la morto de Kinkas Akvobleko kaj en la prezento de la verko aperis la jenan frazon:* ***"La teskto estis tradukitaj al pluraj lingvoj. Montru al gelernantoj la apudan foton, kiu videbligas la kovrilon de la eldono en Esperanto."*** *Estas interese rimarki, ke lastatempe Esperanto estas ofte citata de la brazila gazetaro, ĉu pozitive, ĉu negative.*




Fotaleza-CE

# UK en Brazilo

*Nikola Rasic, konstanta kongresa sekretario de UEA, restis dum kelkaj tagoj en Fortaleza, en la komenco de oktobro, pritraktanta aferojn rilatajn al la UK kiu okazos de la 3a ĝis la 10a de aŭgusto venontjare, en la ĉefurbo de Cearao. Poste, en la fino de la monato, Michelson Herbster Moura vizitis BEL-sidejon. Kiel sekretario de LKK-UK/2002, li pritraktis diversajn aferojn ankaŭ rilate al la venonta evento, kun kelkaj BEL-estraranoj. Antaŭ ol iri al flughaveno de Brasília, li prenis ekzemplerojn de la revuo Brazila Esperantisto n-ro 316, tiam ĵus alveninta el la presejo, por distribuado al la samideanoj de Fortaleza.*

*Ĉe Michelson <michelson@bol.com.br>, la loka kongresa komitato akceptas sugestojn de la brazila esperantistaro por la plej elstara esperanto-evento de la mondo, okazonta la duan fojon en Brazilo.*

## Muzikaj notoj

Cícero Soares

# Luiz Gonzaga


Foto: Interreto

La muzikisto Luiz Gonzaga estis unu el la malmultaj brazilanoj el la malriĉaj urbetoj nordorientaj, kiuj sukcesis fariĝi konata de la ĝenerala publiko.

Lia instrumentista kaj kantista talento disvastigis la ritmojn de muziko ĝuatajn en la popularaj festoj kaj foiroj de la landinterno. Luiz Gonzaga furoris dum la jaroj 40-aj kaj 50-aj, montrante en radistacioj melodiojn kaj tekstojn kiuj memorigis al mezklasuloj forgesitan Brazilon.

Li vojis sukcesan karieron ĝis sia morto, en 1989. Lia muziko odoras al la vastaj bienoj kaj flaŭro de la foraj provincoj, la naiva vivo de la nordorientanoj, la simplaj ĉiutagaj taskoj de la vakeroj.

## *Boiadeiro** de Klecius kaj Armando Cavalcanti

*Iru, bovisto*

*Iru, bovisto! Aŭror' gvidos vin!*
*Forportu l' bovojn, nur pensante pri l' karin'!*

*Frue matene miajn bovojn laŭ la vojo,*
*ĉiam kun ĝojo, al paŝtejo gvidas mi...*
*deko da bovoj, tre malmulte, nenieto...*
*tamen pli belaj ne ekzistas tie ĉi.*

*Iru, bovisto! La Sun' gvidos vin!*
*Venigu l' bovojn, nur pensante pri l' karin'!*

*Je la reveno, posttagmeze, ĉe la vojo*
*miaj gefiloj ĉiuj kuras tuj al mi...*
*nur dek infanoj, tre malmulte, nenieto...*
*tamen pli belaj ne ekzistas tie ĉi.*

*Iru, bovisto! Stelar' gvidos vin!*
*Enfermu l' bovojn, nur pensante pri l' karin'!*
*Kiam alvenas mi ĉe l' pordo de la korto,*
*ĉiam Rozinjo por brakum' kuras al mi...*
*karino mia, tre malgranda, nenieto...*
*tamen pli bela ne ekzistas tie ĉi.*

** Tradukis Sylla Chaves*

# Festu vian Kristnaskon – internan!*

Huberto Rohden*

Kiel ofte, amiko, vi festis la Kristnaskon eksteran, la liturgian Kristnaskon, tiun de la 25-a de Decembro ĉiujara? Ĉu 20-30—50-foje en la vivo?

Ĉu ĝi estis la vera Kristnasko – aŭ ia pseŭda Kristnasko?

Ĉu ĝi estis nur ia fajro pentrita sur tolaĵo aŭ vera fajro, plena de forto, lumo, varmo?

Kristnasko sen naskiĝo estus nur iluzio kaj mensogo...

Kion diri pri Kristnasko, en kiu Kristo ne naskiĝas?

Li naskiĝis ja antaŭ preskaŭ 2000 jaroj en la groto de Bet-Leĥem – sed li ne naksiĝis en la groto de via koro.

Li kuŝis en la trogo sur pajlo – sed ĉu vi povas vere diri: Jam ne estas mi, kiu vivas, sed Kristo vivas en mi?

Naskiĝu milfoje Jesuo en Bet-Leĥem – se li ne naskiĝas en vi, vi estas perdita...

La Kristnaska arbeto, kiun vi kutime aranĝas en via hejmo, estas perfekta simbolo pri via senkonscia pseŭda Kristnasko interna: arbeto sen radikoj, mortinta aŭ mortanta, portanta belajn ornamaĵojn el senviva papero, fiktivajn fruktetojn el inerta celuloido – jen, tia estas via spirita vivo.

Kiel longe vi intencas ankoraŭ "ludi Kristnaskon" – anstataŭ celebri al la vera Kristnasko, al tiu naskiĝo de Kristo en vi?

Kial tia ŝajno kaj nesincereco antaŭ vi mem?

Kial vi ne rektigas do ĉiujn malrektaĵojn de via vivo?

Kial vi ne metas la finan punkton post tiun kurbliniaj politiko kaj diplomatio de via egoismo por komenci finfine unu rektlinian vivon en absoluta vero, honesteco kaj universala amo?

Kiam vi permesos naskiĝi en vi al la Savanto – li, la vojo, la vero, la vivo?

Vi ne imagas, amiko, kiel efemera estus por vi tiu ekstera liturgia Kristnasko, se vi celebrus al la interna anima Kristnasko.

Vi ne povas imagi al vi kion dirus la groto, la trogo, la ĉielaj anĝeloj kaj la surteraj paŝtistoj, se en vi naskiĝus tiu glora *simboligito* el kiu tiuj historiaj faktoj estas nur pala kaj malpreciza *simbolo*.

Vi ne imagas en kia nova lumo de kompreno aperus al vi Kristo de la Evangelio, se en vi naskiĝus la Kristo de via intima eksperimento, de via persona renkonto kun Dio.

Se Kristo estus por vi ne nur materio pri fido tede kredita – sed admirinda realo intense travivita.

Se Kristo vivus en vi, kaj vi en Kristo, aŭ prefere, se vi estus vivita de Kristo – kiel abunda estus via vivo...

Vi ne eltenus vin pro trofeliĉo – kaj via troa feliĉo en Kristo elverŝus je amo kaj bonvolo al ĉiuj fratoj de kristo ĉirkaŭantaj vin.

La propra senkonscia Naturo ricevus reflekton de tiu elverŝo de amo kaj feliĉo – kaj, kiel Francisko de Asis, ebria je Dio, vi rakontus kaj kantus la diajn glorojn al la ŝtonoj kaj al la herboj, al la birdoj kaj al la fiŝoj, al la suno, al la luno kaj al la steloj...

Vi invitus la propran "fratinon Morton" kanti laŭdojn al la ĉiela Patro.

Se vi estus celebrinta vian enan Kristnaskon, se Kristo estus naskita en vi kaj vivus en vi, via vivo estus glora renaskiĝo – kaj la anĝeloj de la Pasko kunigus siajn voĉojn kun tiuj de la anĝeloj de Bet-Leĥem, kantantaj hosanojn kaj halelujojn; "gloron al Dio en la supera alto, kaj sur la tero paco, inter la homoj Difavoro", sur ĉiuj vojo de sia ekzistado – eĉ inter la ombroj de la morto. Celebru vian veran Kristnaskon,
amiko – kaj vi scios,
kion Kristo
signifas
al vi kaj al ĉiuj,
kiuj ricevas lin
kaj vivas en li...
"Renaskiĝintoj en
la spirito"...
"Faritaj novaj
estaĵoj en
Kristo"...

* *El la libro* Imperativoj de la vivo.



*Fabrício Valle*
Čefredaktoro

# Esperantistoj, milito kaj paco

Ĉu militoj dissemitaj tra nia planedo malhelpos entute la internacian Esperanto-movadon, esence porpaca?

Kompreneble, la teroroj fontantaj el militado malfaciligas la floradon de porpacaj movadoj, des pli la nian, kiu ne konsistas nur el retoriko, sed el absoluta praktika karaktero. La malamo starigita inter la popoloj militantaj steriligas la grudon de la homaj sentoj, kiuj blindiĝas fronte al la plej favoraj kondiĉoj por la interamikiĝo. Eĉ en la regionoj de nia planedo ne rekte atingitaj de la monstrego, la sento je amo kaj paco forfluglas el la koro de preskaŭ ĉiuj civitanoj. Oni facile ekdubas pri la ebleco trovi veran solvon, definitivan, ekestantan stabilecon kaj solidarecon inter la nacioj.

Timo fariĝas konstanta kunulo en nia vivo kaj espero je la venko de la inteligenteco, de la civilizo, de la diplomatio kaj de racia konduto forvaporiĝas antaŭ la scenejo kie la respekto al alies vivo tute ne ekzistas.

Por la veraj pacifistoj, ne ekzistas diferenco, ĉu la amasbuĉado estas praktikata de anonimaj teroristoj, ĉu de laŭleĝa ŝtato; ĉiuj kazoj estas kondamnindaj.

Nu, la esperantistoj tenu alten la flagon de la civilizo, de la planeda civilizo, sen distingoj malpacigaj. Okcidentaj kaj orientaj esperantistoj, samideanoj el ĉiuj kontinentoj ne malmoliĝu antaŭ la grandegaj malfacilaĵoj de la malluma nuntempo.

Flanke de kelkaj adeptoj de e-pragmatismo, kiuj defendas la ideon, ke Esperanto estas nur lingvo, utila nur por la internacia komercado, turismo kaj similaĵoj, neniel rilatanta kun pacifismo, flankenmetante la internan ideon de Esperanto kiel rubaĵon, estas tiuj, kiuj ne malagnoskante la praktikan uzeblon de la internacia lingvo, samtempe sincere flegas la valoran koncepton pri la interna ideo de Esperanto.

Ja de tiuj du ĝeneralaj tendencoj de la movado ni atendu trankvilecon, harmonian agadon por la afero Esperanta kaj senkondiĉan internacian solidarecon al ĉiuj suferantaj popoloj de nia planedo. Ĉu al la riĉaj kaj plenpotencaj, ĉu al la senpovaj kaj malriĉegaj, tial ke, resume, ĉiuj estas viktimoj de la homa aroganteco kaj nescieco, la veraj malamikoj kiuj kaŝiĝas en la fundo de la homa koro.

## Ne nur slogano

*La slogano de Brazila Esperanto-Ligo, Ni laboru kune*, estas koncize trafa. Bela frazo ofte ripetata de la brazilaj samideanoj, kiuj sincere pretas labori kune. Sed inter la intenco kaj la kuna laborado troviĝas multe da baroj ne facile supereblaj. Nia tro vasta teritorio estas unu el tiuj baroj.

Nu, kion ĉiuj asocioj de la BEL-FK povas kune fari por starigi pli bonajn kondiĉojn por ke nia slogano ne fariĝu malvarma esprimo?

Teknologio de Informado estas la ŝlosilo: per la intensa utiligado de ĉiuj rimedoj de TI ni povas ekesti tre favorajn rimedojn por kuna laborado. Oni ne bezonos investi grandegan monsumon por fari la unuajn paŝojn cele al la aplikado de TI sur la movada scenejo. Per politika volo ekmarŝi kaj malmulte da mono eblas antaŭeniri. Kontaktu la prezidanton de la FK-BEL ĉe <fabricio@esperanto.trd.br> se vi iel volas partopreni novan semadon.

**Kiom da e-asocioj fakte ekzistas en Brazilo kaj kio pri ilia strukturo?**
Tion ni baldaŭ scios per esplorado fare de la FK de BEL. Nepre partoprenigu vian asocion.

# Internacia kaŭzo bezonas lokajn volontulojn








La mondo bezonas pacon kaj unu el la konkretaj esprimoj de pacifismo, kiun la mondo ankoraŭ ne bone konas, estas Esperanto. La movado por internacia lingvo bezonas pli viglan agadon flanke de la esperantistoj por fariĝi pli vaste diskonigata.

**Engaĝiĝu tuj kaj aktivu entuziasme!**
Informiĝu ĉe via loka e-asocio

Ni laboru kune!